Aŭgŭsto 1923 Dua jaro No 8 (11)

# LITERATURA MONDO

Responda Redaktoro:
**Dro Teodoro Schwartz**

Redakta Komitato:
**Julio Baghy, Dro Kolomano de Kalocsay, Paŭlo de Lengyel, Paŭlo Balkányi**

Sekretario:
**Endre Hevesi**

**Redaktejo kaj administrejo: Budapest VI, Andrássy-ut 51**




**Presita: Globus presartinstituto A. S.**

# POST LA XV-A



ri la belaj horoj kaj gravaj decidoj de la kongreso raportos aliaj presorganoj, ni, por eviti eĉ ŝajnon de konkuro, volas nin teni severe fakaj kaj ne forvagi el la literaturaj kampoj al fremdaj al ni teritorioj.

Sole la ĉiam kortuŝa kaj neforgeseble profunda impreso de la malferma himnokantado, kunforĝanta la animojn en kvazaŭ ekstazan unuecon, estu ĉi tie menciata. Kaj la malferma parolado de sdo Privat, por kio kaj por kiu jam estas banala ĉiu epiteto. Espereble ĝi aperos komplete en la „Esperanto“, ĉiu povos ĝin legi por plezuro kaj por ĉerpo de entuziasmo. Bedaŭrinde, ke la indiferentaj plumbliteroj ne povas prezenti ankaŭ la ĉarmon de lia vivanta parolo.

Pri la impresa prezentado de Natan la Saĝulo ni raportas aliloke.

Rilate al la teatraj prezentadoj de L. M. ni povas, sen fanfarono, raporti pri vera sukceso. Estis malfacilaĵoj grandaj kaj kompreneblaj, la L. K. K., inter sia multa peno kaj zorgo povis doni al ni nur iom duonpatrinan zorgemon, sur la scenejon

„Ni venis ja, laŭveste,
Malriĉe, kaj modeste“

kaj la fatala akustiko de la ĉambrego glutis kaj glutis. Tamen, kvankam, pro diversaj kaŭzoj la materiala flanko de nia entrepreno ne povis esti tiel prospera, ke ni povus per ĝi iom plifortikigi la financan bazon de nia revuo, — la morala sukceso estis konstatata de ĉiuj plej diversaj flankoj.

Ĉi tiun sukceson ni ne atribuas al ni mem, nek al la interna valoro de nia programo. La aplaŭdojn gajnis por ni la Lingvo, kiu deskuinte la katenojn de la diletantismo, devis montri tiujn mirindajn vivfortojn, kiuj sin kaŝas en ĝi. Iom malica rideto de milda ironio; korŝiraj sonoj de patrina doloro; subtila sentimentaleco de moderna kanzono; naiva sed forta voĉo de l' kamparo; artifika frosttremigo de l' ruzefarita teruro, melankoliaj rebriloj de l' romantika revemo; ekstaza patoso de l' vundita animo; pikanta ĉarmo de petola fabelo; spiritaj transkapiĝoj de l' plej kurioza ŝerco, jen la plej diversaj kolornuancoj, en kiuj nia Diamanto povis briligi siajn facetojn. Ĉi tiu malriĉa kaj modesta prezentado sukcesis eble montri, ke — uzante la vortojn de la Prologo —

En la literaturo la lingvo vivas, spiras,
El ĝi la freŝon, riĉon, potencon ĝi akiras.
Ne nur ornam' ĝi estas, ĝi estas garantio
De nepereigebla vivanta energio.
Ĝi estas flora arb' kaj ne estas ĝia floro
La flor' artefarita, sen vivo, sen odoro,
Kiun kun ruz' naiva, harfende kaj komplike
La ĉambrofilologoj fabrikas artifike.
Kaj estu ĝi fruktarbo, por kies dolĉa bero
Amase venos ĉiuj popoloj de la Tero,
Ke, kiel la abeloj, ĝin svarme ĉirkaŭzumu,
Avide ĝin sopiru, soife ĝui gustumu.

Sed, — diras plu la Prologo:

Nia arbo estas ankoraŭ arb' sovaĝa . . .
Ĉu pro malfort' de gusto, ĉu pro gustetoj flankaj
La dolĉaj frukt-aromoj kelkfoje estas mankaj.
Do ni ĝin devas grefti, nobligi kun fervoro.
Hej, bonaj ĝardenistoj, bonvenon por laboro!
Jam por ĉi tiu arbo la grundon ni forbaris,
Ĝardenon sukoplenan, agrablan ni preparis.

LA TEATRA TRUPETO DE L. M.



Hevesi, Schwartz, C. Pechan,
Sárossy, A. Pechan, Baghy, Noiret, Kalocsay

Jen estas nia programo. Nia unua jaro baldaŭ finiĝos. En la unua numero ni parolis pri niaj revoj — ili grandparte restis revoj. Ĉu ili restu revoj por ĉiam? Tio dependas de vi, kara popolo Esperanta. Abonu kaj abonigu nian revuon. Kaj — *renovigu vian abonon senprokraste,* se ĝi, kiel ĉe multaj, finiĝos jam je la septembra numero. La malproksimoj estas grandaj kaj ni volus vidi klare, ĉu nia revuo povas jam stari sur propraj piedoj aŭ ni eble povas ĝin eĉ pliampleksigi. Vere la kadroj estas tro malvastaj, kaj ni havas tre multajn, bonajn, longajn manuskriptojn, kies sendintojn ni devas peti pri pacienco. Ni ekiris por atako kontraŭ la *manko de loko* kaj ĝi nun triumfos ankaŭ ĉe ni — se vi ne helpas, per *abono* kaj *abonigo,* pligrandigi la paĝnombron de la revuo.

Pardonu pro la subita proza tono, eble ni povos pravigi nin, citante denove el la Prologo:

Per via helpo certe prosperos nia verko...
Sed por la arbo estas necesa — ankaŭ sterko.
Kaj evidente estas ĉi tiu sterk' — la mono.
Jen, kial sonas, kara publiko la admono
Kaj peto por subteno: por lego kaj abono.

Ĝis revido — en la sekvonta kongreso, kie ni volus al vi prezenti ion surprizan. Ĝis tiam — sukcesan propagandon.

Samideane: LA REDAKTA KOMITATO.






# N Ü R N B E R G

**HENRY W. LONGFELLOW**

En la valo de la *Pegnitz,* kie vasta kamp' najbaras
Leviĝantan Frank-montaron, Nürnberg la antikva staras.
Pitoresk-antikva urb' de art', labor', komerc', kantsonoj,
Flugas, kiel frugilegoj, rememoroj ĉe l' frontonoj.
Rememoroj mezepokaj, kiam reĝa vic' kuraĝa
Loĝis en kastelo via, en kastel' centjarojn aĝa.
Kaj bonhavaj viaj burĝoj fanfaronis krudrimare,
Ke la urb' rilatojn havas en tutmondo, land-kaj-mare.
Per ferzonoj kunligite, en kastela kortogrundo
Jen tili' — ĝin plantis mano de reĝino *Kunigundo.*
Sur la plac' : oriel-fenestro, kie en antikvaj tagoj
Kantis la poeto *Melchior,* pri Maksimilianaj agoj.
Ĉie vidas mi ĉirkaŭe, ke leviĝas mond' de Arto,
Riĉaj skulpt-fontanoj staras sur foira urboparto.
Super katedralaj pordoj sanktular' en skulpt' el ŝtono,
Kvazaŭ apostolojn sendis praepok' por nia bono.
En preĝej' de sankta *Sebald* dormas li en sarkofago,
Kaj el bronz' Dekdu Disĉiploj gardas lin de tag' al tago.
En preĝej' de Sankt-Laŭrenco, sankta kest' de skulpt-supero,
Kiel garb' de ŝaumfontano levas sin tra l' arta sfero.
Tie ĉi, dum arto estis religi', kun pia koro,
Loĝis, verkis *Albrecht Dürer,* Art-Evangelist' de l' horo.
Vigla laborant' — de tie, en silento kaj ĉagreno,
Migre vagis li, serĉante por la land' de l' Art-Edeno,
Epitafon : EMIGRAVIT tomboŝtono lia portas,
Li ne mortis, nur foriris, ĉar Artist' neniam mortas.
Urb' antikva nun pli ĉarma, brilas ĝia sun' pli ĝoje,
Kies ŝtonojn li surpaŝis kaj aeron spiris foje.
Tra la stratoj vastaj dignaj kaj humilaj flankvojetoj
Krudajn versojn molkantante paŝis Majstroj la Poetoj.
Ili iris al la gildoj el suburboj sen sunbriloj,
Kaj konstruis famajn nestojn, kiel bird' sub defluiloj.
Dum teksist' bobenon ĵetis, venis tekst' de rim' mistika,
Kaj forĝist' martelis versojn sur ambos' laŭ takt' fortika.
Ili kantis laŭde Dion, ke ekfloris vers' subtila
El la cindro de l' forĝejo kaj el la faden' teksila.
Kaj *Hans Sachs,* ŝuist-poeto, laŭreat' de l' bel-metioj,
Saĝa pli ol dekdu Majstroj, kantis en grandeg-folioj.
Sed trinkej' nun lia domo, planko — sablumita orde,
Kaj girlando en fenestro kaj portreto superporde.
Ĝin laŭ kant' de *Adam Puschman* estis la artist' pentranta:
„Maljunul' kolombsimila“, barbo blanka, longpendanta.
Dum vesper' dronigi zorgojn, metiist' hardita venas,
En antikva seĝ' de l' majstro el plumbkruĉ' bier-festenas.
Jam forestas pomp' antikva, antaŭ la okul' revanta
Ondas formoj kunmiksitaj, kiel sur tapiŝ' velkanta.
Ne pro reĝoj aŭ konsuloj falis sur vin mondrigardo,
Sed pro *Dürer* la pentristo kaj *Hans Sachs* la ŝuist-bardo.
Tiel, ho Nürnberg, vagul' de fora land', en rev', sen vortoj,
Kantis versojn, dum paŝadis li tra viaj stratoj, kortoj.
El pavimfend' kolektante, kiel floron el ĝardeno,
La noblecon de l' laboro kaj rezulton de la peno.




El la angla: J. D. APPLEBAUM

# EL TAGLIBRO DE LUNANO

## ĈAPITRO EL: INTER LA LUNA GENERACIO.

(Fragmento el la fama trilogio „Sur la arĝenta globo“, „La malnova tero“ kaj „La Venkinto“.)

DE JERRY ZUTAWSKI.



Jam maturiĝas la ĉi-tiea generacio, kaj mi estas inter ĝi pli kaj pli malĝoja kaj ĉiam pli malfeliĉa . . . Mi iras Polus-landon por rigardadi al la Terglobo kaj vivi solece.

De la tempo de nia Eliro el la tero perdita jam pasis ducent deknaŭ lunaj tagoj, kaj sesdek sep de la mortotago de Marta kaj Piotr.

Mi miregas, ke ankoraŭ mi ne mortis . . .

— — — — — — — — — — — — — —

Mi do ree loĝas sur la Poluso.

Senlima sopiro je mia patrujo, la Tero, min premegas ĉiam pli kaj pli. Pro tio mi forgesas eĉ pri la generacio, transdonita al mi de Marta en ŝia mortohoro. Sed mi scias, ke ĝi vivas tie ĉe la maro kaj estas tute feliĉa. Kiam mi estis foririnta, vekiĝis en ĝi printempa amsento. Estis al mi tro volupte kaj tro . . . dolore por rigardi tiun printempon...

Ĉi tie regas trankvilo, soleco kaj rememoroj.

— — — — — — — — — — — — — —

Mi revenis el Polus-lando al la Varmegaj Lagoj ĉe la maro post sep lunaj tagoj da foresto. Revenigis min zorgo pri la infanoj de Marta . . . Tom estas edzo de siaj fratinoj, Lilio kaj Rozo, Ada nun bezonas mian zorgon pli multe ol iam . . . Terurege, ke mi ankoraŭ ne rajtas morti!

— — — — — — — — — — — — — —

Estas afero konsiderinda, kiel la homoj ĉi tie, sur la Luno, pigmeiĝas! Tom jam estas plenkreskulo, kaj tamen lia kapo eĉ ne tuŝatingas mian brakon. Ada, ŝajnas, estos ankoraŭ pli malgranda?

Hodiaŭ matene estis terura vulkan-eksplodo de Otamora, la plej granda, kiun ni vidis iam ĉi-tie.

Rozo esperas baldaŭ patriniĝi . . .

De nia Eliro ducent tridek ok lunaj tagoj.

— — — — — — — — — — — — — —

Mi kun Ada foriras ree Polus-landon. Tom volas mem estri. Estu laŭ lia volo.

— — — — — — — — — — — — — —

Mi alvenis Polus-landon la ducent-kvindekunuan luntagon de post nia Eliro. Tom penis min haltigi ĉe la foriro, sed malgraŭ tio mi rimarkis, ke li estis kontenta pri mia foriĝo. Tom estas memestrema kaj malkontentis pro mia aŭtoritato rilate siajn edzinojn. Li estas ankaŭ kontenta, ke mi kunprenas Ada'n, kiun li ne amas, ĉar ŝi ne volas subigi sin al li kvankam ŝi ankoraŭ estas infano . . .

Mia Dio! Kaj mi mem ja edukis tiun knabon, kaj Ada estas ja lia plejjuna fratino!

— Tie ĉi, sur la Luno, estas ĉio kiel antaŭ jaroj, antaŭ multaj, multaj jarmiloj . . .

Jam delonge mi ĉesis vivi per la estanto kaj des pli per la estonto. Tial mi returnas min malantaŭen kaj rigardas senĉese al miaj rememoroj en la vizaĝon. Ne gaja kunularo! . . .

Mi malĝojis tie, ĉe la maro kaj mi malĝojas ĉi tie, kie mi vidas la Teron sur la rando de la horizonto.

— — — — — — — — — — — — — —

Jam multa tempo forpasis kiam mi skribis la lastan notaĵon . . .

Ada plenkreskas kaj komencas sopiri je la gefrataro; mi tion rimarkas, kvankam ŝi mem ne volas konfesi.

Kaj mi ankaŭ pensas, ke jam estas tempo reveni al la maro . . . Mi maljuniĝas, kaj se mi mortus en ĉi tiu dezerto kaj soleco, Ada sendube estus pereinta. Pro ŝi mi revenos refoje, kvankam Dio vidas, kiel volonte mi restus kaj mortus ĉi tie, rigardante la Teron!

Mi timas, ke la infano jam tro longe vivis kun mi, silenta kaj malgaja solulo. Mirinda infano — kaj ankaŭ tio mirigas, ke en tiu soleco, anstataŭ alproksimiĝi, ni reciproke fremdiĝas. Ŝi rigardas min per larĝe malfermitaj okuloj, kaj mi vidas, ke ŝi pensas pri multaj aferoj, kiujn ŝi al mi ne diras.

Ĉu mi mem konfesu? — mi vivas kun la infano jam tiel longe ĉi tie kaj tamen mi ne alkutimiĝis al ŝi — kontraŭe, ĝenas min ŝia apudesto, tiel mi volus esti ĉiam sola kaj mediti senmalhelpe pri la pasinteco... pri la Tero . . . pri Marta.

Kaj tamen mi devas reiri . . .

— — — — — — — — — — — — — —

Ĉe la maro apud la Varmegaj Lagoj.

Mi do ree vojaĝis kaj ree mi estas malĝoja kaj deprimita . . . Ŝajnas al mi, ke estonte estos al mi malfacile deŝiriĝi de tiu lando kaj popoleto, ĉar mi vidas, bedaŭrinde, ke mia tasko ankoraŭ ne estas finita kaj estas necese, ke mi restu ĉe la nova luna socio kaj ke mi ankoraŭ interpacigu, instruu kaj eduku . . .

La idaro de Tom plenkreskas; kiam revenine el Polus-lando mi montriĝis inter ili, ili rigardis min per nepriskribebla timo kaj teruro, la grandegan maljunan homon, kiu

venis el la Tero, kaj nun longe vivis en soleco. La patro certe rakontis pri mi.

Kaj ili ĉiuj estas pigmeoj. Tiaj malgajaj lunaj etuloj . . .

— — — — — — — — — — — — — —

De nia Eliro luntagoj kvarcent naŭdek du, tio estas proksimume tridek ok terjaroj. Jam tre longe mi ne skribis sur ĉi tiuj paĝoj — hodiaŭ mi prenas ilin en la manojn, por noti la morton de Rozo. Ŝi mortis, ho kia teruraĵo, per la mano de sia edzo kaj frato, de mia iam amata edukito Tom, kiu en kolero frapĵetis ŝtonon en ŝian kapon!



Naca Klima: Studo

La dua edzino de Tom kaj liaj pliaĝaj infanoj akceptis tiun faron en silento — ŝajnas al ili, ke li rajtas mortigi ĉiujn, kiuj ne estas al li obeemaj. Sole Ada, neniam intime vivinta kun la familio de Tom, nun elpaŝis kontraŭ la mortiginto. Sen kolereksplodo, sen ĝemkrio, nur kun severa vizaĝaspekto kaj suprenlevitaj manoj la knabino aliris lin, kaj li timeme retiriĝis, kvankam li povis ŝin per unu manfrapo forpuŝi, ĉar li estas pli granda kaj pli forta.

Sed ŝi haltis du paŝojn antaŭ li kaj montrinte per unu mano malantaŭ sin, al la freŝa virin-kadavro, la duan ŝi ekskuis super lia kapo kaj ekkriis:

— Pro la sango de via edzino mi vin malbenas en la nomo de la Maljuna Homo.

(Ili nomas min ĉi tie Maljuna Homo.)

Tom ektremis, sed post momento rigardis min ĉiam silentantan per malhela rigardo kaj poste diris al Ada impertinent-voĉe:

— Rozo estis mia — mi rajtis fari al ŝi ĉion . . . nutri ŝin aŭ mortigi. Kial ŝi estis malobeema?

Tiu terura okazo kaj tiu krimo — kontraŭvola, ĉar mi ĝis nun ne povas kredi, ke Tom frapis sian edzinon mortigcele — heligis al mi tri aferojn, kiujn mi neniel povis al mi klarigi.

Mi antaŭ ĉio konstatas la tiranecon de Tom kaj ŝajnas al mi, ke nur mi kulpas pri tio, ĉar mi edukis lin kaj ne povis lin aliigi. Cetere, tro longe mi pasigis mian tempon en Poluslando kaj lasis ilin solaj.

Poste ekmirigis min Ada. Laŭ ŝia elpaŝo kaj laŭ multaj aperoj, pri kiuj mi nun rememoras, mi vidas tion, kion mi ĝis nun malatentis kaj nome — ŝian neordinaran rilaton al ŝia frato kaj al lia familio. Ŝajnas al mi, ke ili ambaŭ reciproke malamas sin kaj malgraŭ tio la lastaj timas la knabinon plej junan de la unua generacio de l'ĉi-tieaj homoj. Ŝi tenas sin malproksime de ili kaj estas kvazaŭ pastrino — kvankam mi dubas, ĉu tiu ĉi vorto bone esprimas . . . Mi kompatas ŝin, ĉar ŝi estas soleca kaj soleca, ŝajnas, ke ŝi estos sur ĉi tiu mondo ĉiam same kiel mi — mi kompatas ŝin despli, ke mi ne povas esti ŝia bona zorganto kaj amiko. Ŝi rilatas al mi kun pli multe da superstiĉa honoro ol amo. Kaj evidente mi kulpas ankaŭ pri tio.

Kaj la tria afero, kiu min pleje timigas, ĉar temas pri mia persono; ili kredas, ke mi estas . . . Sed ne! eble mi nur trompas min mem! Do kio, ke Ada malbenis Tom'on en mia nomo? Mi ja estas ĉi tie la plej maljuna, eble tial?... Kaj se eĉ tiel estus, ĉu mi kulpas pro tiu . . . idolkulto?

Kiel mirige ili ĉiuj elparolas la vortojn per kiuj ili min nomas: Maljuna Homo . . .

— — — — — — — — — — — — — —

Mi ree sonĝis pri tio, kio min turmentas senĉese jam de multaj jaroj kaj min igas senti min ĉiam pli fremda en tiu ĉi mondo . . .

Mi sonĝis, ke mi estis sur la Tero. Sed ĉi-foje ĝi estis mirinda sonĝo . . . Ĉirkaŭis min homoj, kiujn mi alparolis kun plej granda intereso pri landoj, popoloj, progreso . . . Oni al mi rakontis, ke la limoj de kelkaj landoj ŝanĝiĝis de la tempo, kiam mi estis forlasinta la Teron, ke nun jam estas aliaj leĝoj, ke multaj iamaj kredoj aliiĝis. Scivolema per ĉi ĉio mi volis, post longa foresto, ĉirkaŭrigardi la Teron per propraj okuloj por konvinkiĝi pri ĝia aspekto.

Mi do ekvojaĝis kaj iradis tra iam al mi konataj regionoj kaj urboj. Efektive multo ŝanĝiĝis. Per birdoflugo mi traflugis kontinentojn kaj miregis, ke la lokon de ĉefurboj okupas ruinoj, florantajn grenkampojn anstataŭas dezertaĵoj kaj brulrestaĵoj, kaj tie, kie etendiĝis dezertoj, mi renkontis riverojn aŭ plugkampojn kaj herbejojn, kiuj ĉirkaŭis novajn ĉefurbojn, plenajn de movo kaj vivo. Mi haltis kelkfoje kaj vizitis homajn sidejojn kaj demandis pri la miatempaĵoj, sed neniu povis al mi respondi. Oni ekskuis la kapon kaj diris: „Ni nenion scias pri tio" aŭ: „Ni forgesis!"

Superregis min timego kaj neeldirebla bedaŭro, ĉar mi konvinkiĝis, ke la Tero jam aliiĝis kaj tute malsimilas la de mi konatan.

Evidente — mi pensis en sonĝo — jam forpasis ne jaroj, sed jarcentoj de la tempo, kiam mi estis forlasinta la Teron; sur la Luno estis tiel malfacile kalkuladi la longajn similajn al si tagojn — mi do certe multon forgesis . . . Mi alvenas al la Tero — kiun mi ne konas, kaj kiu jam min plu ne konas.

Kaj por unu fojo mi eksentis min malfeliĉega! Fremda sur la Luno, kie mi ne povis kunviviĝi, fremda sur la Tero, kien mi revenis mirakle — tro malfrue! do kie mi lokumos min? . . .

Mi flugadis plu en la aero kun terura malpleno en la koro, kaj dume, post la mallonga tago, noktiĝis. Jam la unuaj steloj ekbrilis sur la ĉielo, kiam, pelite de interna impulso mi troviĝis super la senborda oceanebenaĵo. Sub mi volverampis ondoj, kiel monstraj, traverŝiĝantaj tordiĝoj de sovaĝbesto kun glitaj kaj brilaj skvamoj, kaj en la ondoj sin respegulis polvonubo de ĉielaj orlumeroj.

Mi ĉirkaŭrigardis; sole ĉi tie nenio ŝanĝiĝis! La oceano estis same neelmezurebla kaj tutsame moviĝema kiel iame.

Kiam mi estis tion primeditanta mi subite rimarkis, ke la maro mirige blovŝveliĝas kaj ĵetetendas siajn ondojn al mi. Nun mi ankaŭ ekrimarkis, ke rekte super mi staras la Luno en pleneco kaj tra la oceano naĝleviĝas al ĝi terurega alfluondego.

Mi ektimegis pro la fantomo de la Lunmondo tie supre kaj volis forkuri ien, kie ĝia lumbrilo ne penetras. Sed subite ekmankis al mi fortoj. Mi eksentis, ke mi surfalas la plenbloviĝantajn ondegojn, kiuj ĉiam pli kaj pli kreskas kaj suprenĵetas min ĉiam pli alten al la Luno, flekskurbiĝas en monstraj, neimageble longaj koloj kun ŝaŭmantaj kolharegoj, kriegadas per obtuza ridego kaj ĉiam pli alten, pli alten min ĵetas. Kun plej granda terurego mi surrigardis la Lunon; ĝi kreskis, kreskegis en miaj okuloj, ĉiam pli proksimiĝis, plenbloviĝis, jam estis okupinta duonĉielrandon; la tuta ĉielo estis kovrita kvazaŭ per grizarĝenta kasko. Ekŝajnis, ke mi jam ĝisvidas sur la lunrandoj la eliĝantajn kapetojn de la pigmeiĝanta idaro de Marta kaj aŭdas pikantan ridaĉon kaj alvokadon:

— Revenu al ni, revenu al ni, Maljuna Homo! Ja vi jam la nia, vi jam ne tera!

Malespero, timego, naŭzo, abomeno kaj deziregо resti sur la Tero, eĉ se ĝi rifuzpuŝus min for — ĉio ĉi kune penetris tra mia brusto; terura kriego eliĝis el mia gorĝo — mi elstreĉis ĉiujn fortojn por konstraŭstari la ondegojn min ĵetantajn en la spacon, per la manoj mi kaptis la akvon, per la piedoj mi batis la aeron...

Van-vante! Mi subite eksentis, ke la Tero, anstataŭ sub miaj



Kacziány: Rajdanta Morto

piedoj, estas jam super la kapo kaj mi refalas sur la Lunon...

Terura sonĝo! Pli terurega efektivo!...

— — — — — — — — — — — — — —

De nia Eliro luntagoj kvincent kaj unu.

Tom boatveturis kun siaj du plejaĝaj filoj suden por malkovri novajn landojn. Laŭ liaj rakontoj mi konjektas, ke ili vojaĝis preskaŭ al la ekvatoro. En la plua vojaĝado haltigis ilin teruraj maraj tropikaj uraganoj. Kaj ili devis reveni nenion atinginte.

Tom post la reveno multe paroladis kun mi. Li parolis pri sia patrino, pri Rozo, kaj ege bedaŭris ŝian morton. Poste rememorante pri la vojaĝo kaj priskribante la malhelpaĵojn, enpensiĝis, kaj fine diris al mi, ke li antaŭsentas, ke ĝi estis lia lasta vojaĝo.

Envere — mi lin rigardas kaj jam tute nenion komprenas. Tiu homo, apenaŭ travivinte mian duonaĝon jam estas maljunulo... Ĉi tie la homoj frue maturiĝas kaj frue maljuniĝas. Despli mirinde, ke mi vivadas... Mi tion al li diris, kaj li, rigardante min, post momenta hezito, ekdiris:

— Jes, sed Ada kaj miaj infanoj asertas, ke vi estas la Maljuna Homo...

Mirege tiuj vortoj eksonis el lia buŝo.

Sed vi — mi rediris — vi, kiu konas min de infanaĝo, kion vi pensas pri tio?

Tom nenion respondis.

— — — — — — — — — — — — — —

Post dekkvar luntagoj de l'morto de Rozo — mortis Tom. Li orfigis dekdu infanojn, kvin de la mortinta edzino, kaj sep de Lilio.

Mi mem enterigis lin sur la Tombeja Insulo apud la tomboj de Marta, Piotr kaj Rozo kaj la plej juna, dektria infano, kiu estis mortinta baldaŭ post la naskiĝo.

Lilio funebregas post la morto de sia edzo. Ŝajnas, — ke mi estu falsa profeto — ke ankaŭ ŝi baldaŭ sekvos lin. Ada sole estas trankvila.

La prapatro de la luna popoleto nun estas Jan, la plejaĝa filo de Rozo kaj Tom, edzigita je la filino de Lilio.

Kaj mi... mi jam ne kalkuladas min de jaroj...

— — — — — — — — — — — — — —

Ada hodiaŭ diris al mi kun profunda konvinko, ke mi neniam mortos... Mi ne scias, ĉu estas freneza ŝi kaj tiu luna generacio, kiu obeemas al ŝi kaj evidente kredas al ŝi, aŭ vere mi sola estas escepto inter la homoj...

Ĉar efektive — kial mi ankoraŭ vivas?

— — — — — — — — — — — — — —

Lilio mortis.

El la unua lungeneracio nun Ada ankoraŭ vivas.

De nia Eliro luntagoj kvincent kaj deksep...

— — — — — — — — — — — — — —

Terurego min superregas, ĉar ĉirkaŭ mi okazas io, kion mi ne povas kaj ne volas, ne volas! kompreni...

Tiu popoleto dum ventego, pli furioza tiufoje ol kutime, ĉar akompanata de terura vulkan-eksplodo de Otamora — tiu popoleto amase kunvenis ĉe mia loĝejo kun oferdonacoj kaj petegis, ke mi kvietigu la ventegon kaj trankviligu la tertremadon... Ili do vere kredas, ke mi estas...

Ho, kiel malfeliĉa kaj soleca mi estas inter la duonfreneza Ada kaj la popoleto ne inda nomiĝi homoj...

El la pola: I. JURYSTA.

RAYMOND SCHWARTZ

*

EL LA PROGRAMO DE KABAREDO „VERDA KATO" PARIZO

## LA BONA PERANTO

RAYMOND SCHWARTZ

*

EL LA PROGRAMO DE KABAREDO „VERDA KATO" PARIZO



Post longa tempo sin renkontis
Du disiĝintaj amikinoj
Kaj babileme ekrakontis
Pri zigzagvojo de l' destinoj.

L' unua diris vortrapide:
„Kvarfoje mi jam vidviniĝis,
Sed mi kuraĝe kaj plenfide
Je l' kvina foj' reedziniĝis."

La dua ine tuj scivolis:
„Da edzoj vi ja tutan kvanton
Dum viromanka tempo trovis,
Tre certe havas vi peranton!?"

„Ho, tute simple!" ŝi rediras
„Tra l' Esperanta gazetaro
Anoncas mi, ke mi deziras
Kunulon por geedza paro,

Kaj kiam nin la pastro benas,
Ĝi estas dank' al Esperanto!"...
... La dua diris: „Mi komprenas,
Por vi ĝi estas... *Edzperanto!*"



Olof Arborelius: Araba muzikisto

# LANDO DE MUZIKO

EMMA L. OSMOND



Irlando estis la lando de kantado kaj muziko, eĉ, en ĝia lingvo, la sama vorto, „ceòl" signifas leĝon kaj kanton, ĉar la leĝoj estis kantataj laŭ arioj. Sola inter la nacioj, la irlanda standardo montras emblemon de muziko, kronitan harpon. En la 6a jarcento antaŭ Kristo, greka verkisto priskribis, kiel la keltoj de Irlando kantis laŭdojn al Apolono, akompanatajn per harpo. En unu el la grandaj kunvenoj ĉe Tara ĉeestis mil kleruloj kun tridek bardoj inter sia sekvantaro, kaj la lasta kantkunveno okazis tie, en la jaro 560. post Kristo.

Eksterlande la irlanda muziko estis bone konata kaj multe laŭdata, eĉ de ĝiaj malamikoj. En la sepa jarcento, la edzino de Pepin, reĝo de Francujo, bezonante ĥoristaron por la nove konstruita katedralo de Nivelle, sendis al Irlando por kantistoj. Al sia instruisto, irlanda monaĥo, ŝuldis Alfredo la Fama (876—901) sian lertecon sur harpo, kiu ebligis al li, ke alivestite kiel harpisto li eltrovis spione la planojn de siaj malamikoj, kaj tiel rehavigis sian landon. La sola muzikilo en la kruca Militiro de Godfroi de Bouillon en 1099., estis la irlanda harpo, kaj inter la konfliktaj partoprenantoj ĝi estis la plej harmoniiga elemento.

Unue la harpo estis insigno de la provinco de Leinster, poste ĝi iĝis la simbolo por tuta Irlando, kaj troviĝis sur la irlandaj moneroj de la anglaj reĝoj Johano kaj Eduardo Ia.

Dante, la itala poeto-giganto (1265—1321) admire priskribis la harpmuzikon, dirante: „Ili eĉ metas ĝin sur la reĝan blazonon, pentras ĝin sur publikajn konstruaĵojn, kaj stampas ĝin sur monerojn, pretendante ke ili estas posteuloj de la reĝa profeto Davido."

La angla reĝo, Henriko VIIIa[1] aldonis la harpon la sia propra blazono, kaj sur la reĝa blazono ĝi troviĝas nun. Elizabeto,[2] malgraŭ sia senĉesa subpremo de Irlando, havis ĉe sia kortego, de 1590 ĝis sia morto en 1603, irlandan harpiston. Sir Francis Bacon[3] opiniis, ke la harpo estas la plej dolĉa el ĉiuj muzikiloj, kaj aldonis: „neniu harpo havas tiel emociigan sonon kiel la irlanda." Edmund Spenser,[4] la verkisto de „La fea Reĝino", forta malamiko de la Irlandanoj, tamen laŭdis iliajn kantojn, kiujn ankaŭ Shakespeare[5] bone konis, ĉar li aludis aŭ citis dekunu el la kantoj, kaj rimarkigis pri la dancoj. Sen la kono de tiuj kantoj, kelkaj el la scenoj en liaj dramoj ne estas kompreneblaj, kaj precipe tiuj kiuj rilatas al Mario kaj Malvolio en la „Epifania Antaŭvespero". La antikva irlanda muziko estis bazita sur pentatona (kvintona) gamo, kaj konsistis precipe el tri specoj: la *Gáirntraidhe* (elp. *gan-tri*) aŭ ĝoja muziko de ridado; la *Goltraidhe* (elp. *gol-tri*) aŭ malĝoja muziko de larmoj, kaj la *Suantraidhe (sun-tri)* aŭ kvietiga muziko de dormo.

Ankoraŭ ekzistas malnovaj kantoj, kiuj naskiĝis en la epoko kiam harpo kaj liuto estis la ĉefaj muzikiloj, do por konstati la mirindan belecon de la arioj, estas necese, ke ili estu kantataj sen akompano de muzikilo, aŭ kun harpo aŭ violono. Tiel belaj estas la melodioj, ke la aŭdantoj, eĉ ne konante la lingvon, estas plene emociataj; gajiĝas, trankviliĝas, aŭ estas kortuŝitaj laŭ la speco de la arioj. Unufoje aŭdataj arioj restas en la cerbo ĝis obsedo; estas preskaŭ neeble forgesi ilin. Multaj estas rimarkindaj pro la eksterordinara diverseco de emocia esprimo, kaj pro la grandaj interspacoj de tonoj. La stranga karaktero kaj beleco de l'antikvaj arioj estas parte pro la fakto, ke la gamo ne havas duontonojn, ĉar tre malofte troviĝas la kvarto kaj la septo.

La kantoj de pli modernaj tempoj ofte temas pri la

[1] (1509—1547).
[2] (1558—1603).
[3] (1561—1626).
[4] (1558—1599).
[5] (1564—1616).

patrujo. Ĉar al ili ne estis permesate prikanti sian landon, la Irlandanoj laŭdis kaj prigloris ĝin sub aliaj nomoj. „*Roisin Dhu*" (malhela rozeto) „*Mo Roisin*" (mia rozeto) „*Cáitilino Ni Uallacáin*" (katrino ni houlahan) „*Driumfhionn Donn Dilis*" (kara, blankdorsa bruna bovino) estis nomoj uzataj anstataŭ Irlando.

Ĉiu kanto inspiriĝis per fervora patrujamo, sopiro al nacia reviviĝo, kaj pasia sindonemo. Multaj amemaj epitetoj kaj karesaj nomoj estis malŝpare donataj al la amata lando. Jen strofo el „*Mo Roisin*".

„Ho! kara patrujo, ho! land' malfeliĉa,
Pro koroj amantaj nur estas vi riĉa;
Senĉese mi preĝas kun forta fervoro,
Ke venu prospero al vi, mia floro.
Ho! kore amata kaj bela Roŝin'!
Steleto! adoras mi vin, karulin'!
De tuta popolo vi estas benita,
Patrino! la mondo vin vidos kronita.
Premanta kaj peza nun via dolor',
Sed venos la tag' kiam ĝojos la kor',
Denove sur montoj ridetos gajulo,
Sur kampoj florantaj de l'Sankta Insulo!"

Per kantoj la ekzilito esprimis siajn sopirojn kaj malesperon. Kia kortuŝeco estas en la sekvonta strofo de „Slán le Maig" (saluto al Moya.)

„Ekzilite, centfoje salutas mi vin,
Moja de beroj, de branĉoj kaj montoj,
De kampoj, juveloj, gastemuloj, poemoj,
Liberuloj, gajeco, serenaj fortuloj.
Ho ve, ve al mi! malsana mi estas,
Sen ŝirmo, sen sporto, sen ia havaĵo,
Sen ia plezuro, sen rajtoj, luksaĵoj;
Forpelita el hejmo en solan silenton.
Malforta mi estas, malvarme mizera,
Senhelpa, svenanta, kaj tre suferanta,
Soleca sur monto, sur pinto senhoma,
Nur estas eriko kaj vento el nordo."

En la plej antikva poezio troviĝas rimoj laŭ speciala aranĝo de konsonantaj grupoj. Poste sekvis vokalaj asonancoj, difinitaj akcentoj kaj eĉ okaze aliteracioj. Ĉiu estis aranĝata per aspirataj literoj, kaj per ellaso de raŭkaj kombinaĵoj por certigi belsonecon. Neniu temo estis tro malgrava, neniu tro grava por poezio kaj melodio. Troviĝas kantoj por trankviligi la infanon sur la patrinaj brakoj aŭ en la lulilo; kantoj pri amo inter junulo kaj amatino; militkantoj rememorigantaj la farojn de herooj; kantoj pri antikvaj sanktuloj; pri subpremo kaj neplenumitaj esperoj; malĝojaj kantoj pri mortoj de amataj kaj belaj kuraĝuloj; kantoj korŝirantaj, aŭ skuantaj la aeron per ridado. Tiaj kantoj konservis la nacian spiriton dum centjaroj de subpremo kaj doloro. Nacio ne povas esti venkata, kiu konservas siajn kantojn.

## IRLANDA KANTO




## CNÚ DEARÓIL (NUKSETO)

EMMA L. OSMOND




i tiu estas la historio de *Cnú Dearóil*[1] (Nukseto), la harpisto de la glora *Find* aŭ *Finn Mac Cumhaill* kiu vivis en Irlando en la tria jarcento post Kristo.

*Finn*, filo de *Kul*, malavara donacanto de ringoj kaj braceletoj, fama irlanda heroo, estis laca kaj sidis sur monteto por ripozi. Belaj sonoj atingis liajn orelojn. Li ĉirkaŭrigardis kaj vidis la plej etan imageblan viron. Nur kvaroblan altecon de la mano de *Finn* li havis, kaj lia harpo estis eĉ pli malgranda. Ĝis la piedoj pendis la longaj blondaj haroj. Verda estis lia vestaĵo. La rigardo de *Finn* trafis lian atenton, do li alproksimiĝis. Metante la etan manon en la *Finn*'an manon, li montris amikecon, kaj tuj daŭrigis ludi sian harpon. Tiel dolĉa estis la muziko, ke neniu aŭdis ĝin senemocie. Apenaŭ povis la lacaj militistoj rezisti la dormemon kaŭzatan de la ravaj, kvietigaj sonoj.

— De kie vi venas, mirinda harpisto, kaj kiu estas via nomo? — demandis *Finn*.

— Nukseto mia nomo. El *Slivnaman*[2] mi venas, el loko kie oni trinkas mielakvon, kie loĝas muzikistoj de delikata kaj glata lerteco. Por vidi famekonatan heroon mi venis, por kunesti kun *Finn*, la glora batalanto, por koni lian sekvantaron kiu neniam mensogas, sed per kuraĝo kaj manforto eliras el ĉiu malfacilaĵo; por priglori Finn kaj lian *Fianna*[3] mi venis.

— Restu kun mi, bonulo, mi donos al vi juvelojn, arĝenton kaj ruĝan oron, bonajn servistojn.

Ree Nukseto metis la maneton sur la grandan pugnon de *Finn*, kaj tiel estis la afero aranĝita. Dolĉaj melodioj enaeriĝis el la eta harpo. Kien ajn iris *Finn* kaj la *Fianna*, ĉien iris kun ili Nukseto. Kiam la gentanoj laciĝis pro troa laboro, tie estis Nukseto por gajigi ilin per siaj mirindaj arioj. Kiam ili revenis hejmen el batalo, kontuzitaj, vunditaj, postlasintaj amatajn konatulojn sur batalkampo, la melankoliaj kantoj de Nukseto eltiris larmojn el la plej kuraĝaj okuloj.

[1] Elp. Knu Jerol.

[2] La Virina Monteto. [3] „Fianna" estis la kunuloj de Finn.

Kiam la lertaj fingroj liberigis la dormmuzikon tiam suferantoj forgesis siajn vundojn, malĝojaj virinoj forgesis siajn dolorojn, infanoj ĉesis plori, refreŝiga dormo falis sur ĉiun kaj sonĝoj tiel belaj vizitis la dormantojn, ke ili kredis esti en la lando de Ĉiama-Juneco.

Tamen *Finn* maltrankviliĝis, ĉar Nukseto ne havis kunulinon. Li anoncis, ke granda rekompenco atendas tiun, kiu trovos edzineton por la harpisto. Post kelka tempo venis kamparano, kondukanta virineton trovitan sur Fea Monteto. Tie ŝi sidis brodante per oraj kaj arĝentaj fadenoj, kiam li preterpasis. Volonte ŝi sekvis lin al la domo de *Finn*. Ŝi, *Blaithnait*[4], estis iom pli granda ol Nukseto, sed la eta paro tuj enamiĝis. Gaja kaj ĝoja estis la edziĝfesto.

Inter la *Fianna* neniu troviĝis, kiu rifuzis donacon al la geedzoj. Ĉiu amis ilin, ĉar ne nur dolĉan muzikon ili donis malavare, sed ankaŭ sagacan konsilon. *Blaithnait* antaŭdiris bonajn venontaĵojn. Nukseto avertis ilin pri malbonaĵoj. Tiel forte *Finn* amis ilin, ke nenien li iris sen siaj karuletoj. Dum bela vetero ili sidis antaŭ li, sur la ĉevala selo; dum pluvo aŭ ventego ili kuŝe ŝirmis sin sub lia mantelo. Ili ja estis liaj korinfanoj, kaj pro amo al *Finn* ili neniam forlasis lin.

Kiam la animo de la heroo forflugis al la okcidenta lando, Nukseto kaj *Blaithnait* aŭdigis sian lastan surteran kanton. Tiel melankolie sed rave ili kantis kaj ludis, ke la arboj sin klinis preskaŭ ĝis tero, la montoj vualis la kapojn per nebulo, la ventoj tiel malĝoje ĝemis kaj kriegis, ke la nuboj ploris pro doloro. La kanton fininte, Nukseto kaj *Blaithnait* kortuŝe adiaŭis al la *Fianna*, eniris la Fean Monteton, kaj malaperis por ĉiam el homa vidado.

[4] Elp. Blonet.



# EL „PALLIETER"

FELIX TIMMERMANS[1]



La farmulo de l' *Waterschrans*[2] estis enkolektinta sabate sian lastan ĉaron da fojno, kaj nun, dimanĉe, okazis pro tio manĝegado de vafloj kun sukera biero.

Pallieter ĉeestis kun Marinjo, kaj sidis kun la servistoj, servistinoj kaj la familio ĉirkaŭ la granda ronda tablo. La pordoj kaj fenestroj de l' domo estis vaste malfermitaj, kaŭze de l' varmo. Sur la kampoj kaj herbejoj ĉirkaŭe, la duonblindiga tagmezlumo penetris ĝis en la tero, dum ĝi en la malalta ĉambro sin tenis blue kaj milde inter la blankaj muroj kaj kupraj potoj. Interne estis ridado kaj babilado kvazaŭ en tumulta kokejo, kaj la grandaj, ruĝaj manoj avide sin etendis al la fumantaj ovoflavoj, kiujn oni servis en turoj. Ili ŝmiris sukeron, siropon kaj buteron sur ilin por havi ĉiujn plej dolĉajn gustojn kune. La ŝvito perlis sur ilia frunto, kaj por sin sensoifigi ili trinkis konstante la brunan malklaran bieron.

Ĉiu pord- kaj fenestrotruo estis hela pentraĵo. Estis palaj vojoj tra grenkampoj kaj verdaĵoj, ĉi tie kaj tie rebrilo de *Nethe*,[3] ruĝaj tegmentoj inter densaj arboj, bovinoj en la herbejoj, blankaj kapeletoj ĉe la vojo, arbaroj kaj ripozantaj muelejoj malproksime, kaj kolomboj en la aero.

Estis kamparanoj kiuj manĝis dekduon da vafloj, kaj ankoraŭ same apetite rigardis en la fumantan kuirejon. Iliaj buŝo kaj manoj estis gluantaj de graso kaj konfitaĵoj, kaj ili ne havis tempon por purigi sian nazon.

Kvazaŭ sekvinberoj, apartenantaj al la delikataj manĝaĵoj, svarmis la muŝoj sur la tablo.

Ĉe Pallieter la vaflodeziro tute ne volis cedi, kaj manĝante li serĉis sinsekve la cinamguston, la ovguston, kaj la buteron; li remburis sian nazon per iliaj agrablegaj odoroj, kaj nun kraketigis jam sian dekunuan vaflon.

Manĝante li rigardis kun ĝoja admiro al la suna, paca kampo, trans kiu tintis malgranda sonorileto, al la ruĝaj manĝemaj vangaĉoj de l' kamparanoj, kaj al sia plej dolĉa Marinjo. Li pinĉis neatendite ŝian kokson; ŝi suprensaltis kaj ekkriis kaj sub la tablo lia kruro ĉirkaŭpremis la ŝian. Lia vizaĝo brilis de l' ŝvito kaj de l' vaflograso, kaj liaj manoj estis gluantaj de sukero.

Kaj kiam ili dudekope jam manĝis ĉirkaŭ cent kvindek vaflojn, oni formetis la pladojn kaj glasojn, kaj alportis *fransche*[4] kaj juniperbrandon. Nun la pipoj estis ekbruligataj kaj ebena fumnubo flosis baldaŭ super la kapoj.

[1] *Felix Timmermans,* naskiĝis en Liero en 1886. Dum la milito li publikigis sian libron „Pallieter", kiu tuj famigis lin ne nur en Flandrujo kaj Hollando, sed ankaŭ en Germanujo kaj la Skandinavaj landoj, kie la traduko estis favore akceptita. Antaŭ nelonge aperis ankaŭ en Parizo franca traduko de Bob Claessens. Timmermans estas la plej klasika el la nuntempaj flandraj verkistoj kaj estas krom tio bonega pentristo. Antaŭ „Pallieter" li verkis novelon „La plej belaj horoj de Fraŭlino Simforosa, belgino", kaj poste „La infaneto Jezuo en Flandrujo", „Anne-Marie" kaj bestepopon „Boudewijn".

[2] Nomo de la farmo.

[3] Rivero.

[4] Forte alkohola likvoro.

„Kantojn, kantojn“ kriis voĉoj, kaj Pallieter ekkantis „La fiŝistoj de Blankenberghe“ kaj dum la rekantaĵo la homrondo, brako en brako, kantante balanciĝis laŭlonge.

Kiam la kanto estis finita kaj ĉiu ŝvitis pro la baraktado kaj balanciĝado, Marinjo devis kanti. Ŝi ekstaris kaj kun agrabla, kelkfoje hezita voĉeto ŝi kantis „La Noktgardisto“.

Pallieter akompanis la kanton per la lipoj, kun mallaŭta fajfado, kaj dum la rekantaĵo: *„kaj la manetoj faras tikke tikke tik, kaj la piedetoj faras tokke tokke tok, kaj li faras sian unuan kontroliron...“* iliaj manoj batis kaj frapis tiel forte kiel ledaj vipoj kaj iliaj piedoj kiel marteloj. Estis kamparanoj kiuj leviĝis por pli bone sonigi sur la tero la tutan pezon de siaj grandaj, malgraciaj ŝuoj.

Ili bezonis bruon, kunan kantadon kaj movadon de sia korpo. Ĉiu laŭvice kantis kaj ĉiam estis kantoj kun rekantaĵoj kiujn ĉiu konis, kaj dum kiuj ili povis danci, salti, stampfi kaj bati.

Ili staris en sia ŝvito kvazaŭ en vesto; ilia ĉemizo gluiĝis al iliaj femuroj, ilia gorĝo raŭkiĝis, kaj ili trinkis la *fransche* kaj la pipran juniperbrandon kvazaŭ akvon.

— Kiu scias belan rakonteton, — kriis dika servistino — ion ridigan!

— „Mi!“ kriis kamparano. Ĉiuj kapoj alŝoviĝis kaj ĉiu aŭskultis, jam kun rideto sur la buŝo, dum ili tenis sian glaseton kaj fermis virinon en la brakon.

La kamparano rakontis tre subtilan duonkomprenigan rakonton pri pedelo kaj pri servistino de pastro. Kaj kiu de la ĉeestantoj ne konis similan?... Kiam la fino de l' rakonto metigis la manojn sur la ventron pro la ridado, multaj volis esti la unuaj por rakonti „ankoraŭ pli subtilan.“ Tiel unu historio sekvis la alian, pliiĝanta je duonkomprenigo, kaj oni sendis la infanojn eksteren por ludi. Iĝis tiom senbride, ke multaj ne plu povis atendi kun siaj rakontoj, kaj ke oni komencis samtempe de tri, kvar flankoj.

Pallieter ne postrestis, kaj Marinjo, dum ŝi ŝajnigis sin nenion aŭdanta, sidis karesante Sankta-Anjan katon kaj donante al ĝi pecojn de spickuko.

Je ĉiu fino frapiĝis la ridado al la plafono kaj, malgraŭ la admonanta frameto kun Dia okulo: „ĉi tie oni ne blasfemas“, ruliĝis apetitigaj blasfemoj el ilia buŝo, signoj de sincera kaj plena plezuro kaj ekscitita ĝuo.

Sed ora vento venis de l' kampoj freŝigi la ĉambron, kaj la potenca lumo de l' lando eniĝis en kvieta kupra rebrilo, kaj la suno subiĝis ruĝe, kvazaŭ flamo, malantaŭ malproksima nubomonto. Tra la pordo faske eniris la sunradioj, kaj parto de l' kamparanaro en la blua ĉambro estis abunde per ĝi kirasata. La sambukoj ĉe l' fenestro bone ekodoris.

Pallieter eliris por momento kaj rigardis al la lando kaj en la aeron, kaj murmuris:

— Iĝos vespero sola el mil.

La suno estis jam malaperinta, kaj ne plu estis ombroj, sed multe da larĝaj blankaj radioj, kvazaŭ Moseo-kornoj trapenetris la plumnubojn ĝis la plejalto de l' ĉielo, kaj estis, kvazaŭ malantaŭ la mondo starus granda sanktulo.

Ĝoje li reeniris kaj diris al Marinjo:

— Venu, ni foriras, ĉar Dio baldaŭ ekparolos.

Ili leviĝis kaj volis foriri, sed la kamparanaro ne konsentis kaj petegis, ke ili ankoraŭ restu dum kelka tempo.

— Ni devas ankoraŭ amumi, — diris Pallieter — ni devas uzi la tempon, ĉar postmorgaŭ nia Marinjo foriras hejmen.

Tion ili komprenis, kaj ĉiu volis adiaŭdiri al Marinjo kaj doni al ŝi la manon.

— Ŝi revenos por edziniĝi! — diris Pellieter, kaj tiam vi ĉiuj partoprenos en la festo!

Tuj post tio ili ĉiuj kune ekkantis:

— „Sen nia Marinjo ni ne povas esti!“

Kun afabla permeso de l' aŭtoro,
el la flandra: JAN VAN SCHOOR



Hugo Poll: Normandaj fiŝkaptistoj

# EL LA ITALA POEZIO

TRADUKO DE ALEKSANDRO MAZZOLINI

## VORTOJ DE ŜTONO.

L. Stecchetti.

Ho vi, suprenirantaj al la monto
Por serĉo de silento
Kaj al arbaro densa, klara fonto,
Ho koroj en kontento,
Kompatu min! Tut-sola sur la vojo
Mi kuŝas tie ĉi.
Kompatu min! Premegas min malĝojo,
Ĉar ve — ne amas mi . . .



## LA FALINTA KVERKO.

J. Pascoli.

Mortinte sternis sin la kverk' sur tero,
Plu ne rezistos kontraŭ fulm' tempesta.
Ĉirkaŭe mire sonas jena vero:
Nun oni vidas: kia grand' majesta.

Nestetoj pendas tie ĉi kaj tie
De la kuŝanta verda branĉokrono
Kaj jenan veron oni aŭdas ĉie:
Jen, nun vidiĝas ĝia tuta bono.

Kaj ĉiu laŭdas, branĉon hakas, trenas,
Sen ŝarĝo hejmen ja neniu venas.

En la aero sonas plendokrio:
Ve, ne retrovas neston la silvio.



## KIO ESTAS DIO.

Aleardo Aleardi.

Kiam sur malhelblua firmamento
Komencas treme brili
Atomoj oraj, punktoj el arĝento —
Demandon miran sendas mi al ili:
Ho, kio estas Dio?
La steloj min respondas: Harmonio.

En april' dum ornamas kampojn florajn
Koloroj ĉarme helaj,
Demandas mi la florojn bonodorajn:
Do kio estas Dio? Floroj belaj,
Respondu! Al orelo
Respond' ilia venas jene: Belo.

Ĉe l' flamo de rigardo via hela,
Al ĝi demandas mi:
Ho treme-brila lum', spegul' ĉiela
De l' koro, diru, kio estas Di'?
Kaj per helluma flamo
Pupiloj viaj tuj respondas: Amo.

## LA SABATO DE L' VILAĜO.

G. Leopardi.

La junulino venas de l' kamparo
Je la subir' de suno,
Kun sia herbofasko kaj en mano
Kun bukedet' de rozoj kaj violoj,
Per kiuj, laŭ kutimo,
Je l' festa tag' morgaŭa
Ornamos ŝi la bruston kaj la harojn.
Sur ŝtup', kun najbarinoj,
Ŝpinante sidas maljunulineto
Kontraŭe al la lumo perdiĝanta.
Kaj ŝi rakontas pri bel-tempo sia,
Kiam ŝi sin ornamis por festtago
Kaj ŝi, ankoraŭ sana, facilmova,
Vespere dancis inter la kunuloj,
Kunuloj al ŝi en plej bela aĝo.

Jam malheliĝas la aero tuta,
Ĉielo lazuriĝas, ombroj falas
De montoj kaj tegmentoj,
Dum jusveninta Lun' ekŝutas helon,
Kaj sonoril' anoncas
Pri l' fest' proksimiĝanta ...
Dum ĝia son' vi dirus
Ke l' koro konsoliĝas.

Infanoj, kriadante,
Sur placo, en grupeto,
Saltadas tien-reen,
Gajigan bruon faras.
Dum al la sobra tablo iras hejmen,
Fajfante, pioĉisto,
En kor' pensante pri la tag' ripoza.

Post kiam ĉiu lum' alia estingiĝis,
Kaj eksilentis ĉio,
Eksonas frap' martela, bru' segila:
La lignaĵisto viglas
En sia bud' fermita, ĉe lampeto,
Rapidas, penas fini
Laboron sian antaŭ la tagiĝo.

El la sep tagoj jen la plej agrabla,
Tag' plena de esper' kaj ĝojo.
Jam morgaŭ tedon kaj malĝojon
La horoj portos kaj al pen' kutima
Denove turnos ĉiu siajn pensojn.

Ho vi, knabet' serĉema,
Jen, via flora aĝo
Similas tagon plenan de gajeco,
Serenan, helan tagon,
Al fest' de via viv' antaŭkurantan.
Ho ĝuu ĝin knabet'; jen stato ĉarma,
Jen la sezono gaja,
Nur tiom diras mi. Sed se la festo
Malfruos veni, vin ne tuŝu tio.

# POEMOJ EN PROZO*

EMIL ISAC

## LA BLINDULO



Kuŝante inter la floroj de l' printempo la blindulo ludis kum herbo.

Lia rideto estis kvazaŭ malgrandigita rido ĉiela.

Kaj mi paŝis al li kaj demandis lin timeme:

— Kial vi ridetas? Ĉu vi vidas ion belan?

— Mi vidas multajn florojn... kaj en la lago de l' amo sin banas la cigno de l' vivo... de la aliaj bordoj sendas sian parfumon la lumo, kaj sonas la fluto de Pan, kaj geamantoj trompas la momentojn per ĉirkaŭprenoj... Bluaj birdoj kantas sur blankmarmora kolono kaj sklavoj kaj sklavinoj dancas ĉirkaŭ tablo ŝarĝita de vino kaj fruktoj kaj de arĝentaj pokaloj, en kiuj brilegas grandaj diamantoj, kiel la larmoj de l' matemo inter branĉoj... Kaj la radioj de l' suno ĉirkaŭbrilas la vizaĝon de junaj paroj, ĉar alvenis la fianĉino el la lando de l' akvoj maljunaj, sur la dorso de elefanto, kaj akompanate de keruboj...

Ho, kiom belas la vivo!... arbaroj oranĝaj... sonĝofloroj... domoj feliĉaj... printempo... ho, vivo!

Kaj la blindulo ridetis kaj min demandis:

— Kaj vi? Kion vi vidas?

Kaj mi mallaŭte respondis:

— Mi vidas preĝejon, de kies turo falis la kruco; kaj ĉe la altaro interkisiĝas la Diablo kaj la Milito, kaj en la ĥorejo kantas skeletoj...

* Titolo de jus aperinta volumo de *Emil Isac,* inspektoro de l' artoj en Transilvanio, eminenta poeto rumana, kiu per kuraĝaj skribo kaj ago sindone batalas por la homara progreso en larĝa koncepto. „Poemoj en prozo" estas kolekto de veraj perloj: rimarkindaj ideoj en vesto de subtila stilo ekstreme delikata.



Relle Svedland: Sunsubiro

## LA KREDO

Antaŭ Dion, sidantan sur ruĝa trono, la anĝeloj trenis animon ligitan en ĉenoj.

— Kial vi portis lin antaŭ min en katenoj? demandis la Patro Ĉiela kun kompato kaj scivolo.

— Ni katenis kaj portis lin antaŭ Vin, ĉar li diris sur la tero, ke li Vin ne kredas, ĉar Vin ne vidas...

Dio ekridis, tiel, ke ektremis la ĉieloj:

— Malnova historio. Kaj kial do vi ne kredis min? Li demandis la ribelan animon.

Tiu levis la rigardon:

— Mi ne kredis vin, ĉar mi neniam vidis vin. Sed nun... vidante vin, mi petas vian pardonon.

Pardonon! Pardonon! sonis ventoj, animoj, voĉoj... La ombroj tremis kaj malgajaj akvoj murmuris: pardonon.

— Mi pardonis vin! Diris Dio. Kaj mansignis al la ribela animo por leviĝi.

Tiu etendis la brakojn kaj diris en ploro:

— Montru vin al ĉiuj. Kiom multaj volas vin koni!

Sed Dio respondis flustrante:

— Ne eble.

— Kaj kial ne eble? Balbutis la animo.

— Ĉar se min vidus ĉiu homo, eĉ unu ne memorus, ke mi *estas,* kiam mi mankas.

Kaj anĝelo ekkuris post ĉielarko. Kaj anĝeletoj komencis kolekti en siajn orajn sagujojn la sagetojn de l' suno, kaj la orgeno de l' ĉielo eksonis.

Dio, sur la trono, faris signon al la nokto, ke ĝi iru sur la teron. Kaj la animo ŝtelsekvis la nokton.

## FLUSTRO ARBARA

...Kaj estis vespero peza, vespero ploranta kaj ĝemanta, kiam la lumo ĵetas radiojn fortajn, lancojn arĝentajn...

La nuboj estis el nigra fero, mi

timis, ke ili falos sur nin — ah, kaj mi tenis vin en miaj brakoj tiel zorgeme, kvazaŭ oron mi estus havinta en la brakoj.

Kaj en la herbo spiris la parfumo de l' fragoj... Fragoj dolĉaj, fragoj ruĝaj, fragoj grandaj, kvazaŭ kernoj de... fruktoj gigantaj.

En ili parolis la amo matura, ilia profunda odoro vokis nin, ŝtelis nian animon kaj kantis en niajn orelojn la himnojn de l' vivo: venu, venu kaj kisu la dolĉon de l' maturaj fragoj, kisu la ruĝon ilian, ĉar venos jaroj blankigaj, venos jaroj portantaj aliajn emojn kaj dolorojn... Venu, venu — flustris en la herbaro la fragoj.

Mia kara, vi klinis vian kapon sur mian bruston aciditan de suferoj, kaj kun malsataj okuloj vi rigardis al mia pala vizaĝo kaj flustris:

— Fragoj, fragoj... ĉu vi sentas ilian parfumon?

Kaj metante vian malvarman manon sur mian frunton bolantan, vi volis, ke mi plorante respondu:

— Mi timas ilian vokon... Ah, ili nin vokas al la bolanta saĝo de la noktomezo, ili klarigas al ni la lunradiojn kaj la flamantan batalon de l' koro. Ili minacas nin per sia dolĉeco, minacas nin per la paso de l' eternaj pasoj — ili diras, ke venos la senco de l' tempo: venos la paso de l' pasoj...

Kaj mi kaŝis en la manoj vian virgan vizaĝon kaj mi diris mallaŭte, tremante pro la boligita sango:

— Anĝel'... Anĝel'... Venu, ni foriru de tie ĉi, al la poploj prudentaj, al ilia maljuna brančaro, kiun jam tiom da fojoj trapasis la morto flirtanta... Venu, ke ni iru al la ploro fonta, kiun gardas la tilioj kun morta odoro — ilia elspiro estas senpasia — ilia elspiro ne tentas al peko... Ne vokas al vivo...

Kaj prenante vian etan manon, mi vidis, ke en viaj okuloj ardas larmoberoj — sed de malproksime tiom saĝe muĝis la arbaro...

Kaj vane parolis la fragoj, ilian varmon logantan mi sentis pli kaj pli malproksima...

Kaj manon en mano, kantante ni atingis la tombejon kun la misteroj maljunaj... Tiom da krucoj kaj tomboj...

El la rumana kun la permeso de l' aŭtoro: TIBERIO MORARIU

# VESPERO

MARIE UNDER

Jam pordegojn oni fermas kaj la domojn oni ŝlosas;
Ene nun sufer' en animoj fosas.

Suprenlevis ĉiujn pontojn altajn tago:
Falas balustrad' — senhelpe sinon glitas nia brako.

Kun la vestoj nia spino, la kuraĝo malaperas:
Multaj en la propra hejmo nun pro senhejmec' suferas.

Venis tempo iĝi sola kaj libera
De la tago: de l' ŝtonego blanka, efemera.

Glitas for eĉ nia nomo kvazaŭ zono, kiu ligas,
Ĝis forgesi ĝin la dormo nin instigas.

Sur folioj rustaj de l' saliko brue la aŭtuno festas;
Ju pli malgrandiĝas vi, des pli granda nokto estas.

Nuda — en la Absoluto vi: estas nur senlim' kaj eta koro,
Tra mallumo densa ĝi ardetas kvazaŭ la aŭroro.

En la kor' okulon ruĝan ekmalfermas jam cikatriĝinta vundo;
Ŝajnas, kvazaŭ dronus ĉio: vivo kaj ni mem en la profundo.

El la estona: HILDA DRESEN



# KIAL AMAS VI MIN?



JANIS AKURATERS



Kial amas vi min, homon de l' frenezo? Ĉu scias mi, kie floras rozoj, por ornami per ili harojn viajn, por almeti ilin al via brusto? Ĉu estas konataj al mi la dolĉaj vortoj por murmureti ilin en izolo al vi en orelojn kiam revi vi volas?

Nenion mi havas: nek florojn, nek karesojn, nek kisojn.

Kial amas vi min? Ĉu revas vi pri „nesto" ie en trankvila anguleto, kaj pri kvieta, delikata vivo, kiu trafluas kvazaŭ flava, silenta aŭtuna tago — nenion, nenion mi havas! Estas konata al mi la vojo tra ŝtonegoj kaj tra profundaĵoj, amas mi la mallumon, nokton kaj izolecon, volas mi eterne vagadi, volas mi eternajn batalojn. Kaj la bataloj, pli aŭ malpli frue, enterigas min inter siaj kadavroj, kaj putriĝos mi ie sola, forgesita . . . Kiu karesos tiam kapon vian? kiu parolos tiam al vi pri amo?

Kial amas vi min, homon malsanan? Iru, kie la mondo floras, kie la homoj, kontentaj de l' vivo kaj soifantaj la amon, deŝiras la florojn kaj kantas la kantojn — tie vi trovos printempon vian.

Sed apud mi amo via estingiĝos kiel fajreto en nokta mallumo, kaj neniu povas disblovi ĝin je hela suna flamo. La amo bezonas ripozon, verdan vastaĵon kaj oron, mi ja estas malriĉa, mia sola trezoro estas nur pensoj miaj, sed ili estas frenezaj. Kial amas vi min?

Kuru, kuru for de mi!

Aŭ volas vi tamen ami min kaj kompreni? Ĉu volas vi ami min kiel imagon, kiel ion jam de longe forgesitan? Ha, tiam ne demandos mi vin, kial amas vi min.

Unu solan estaĵon mi sentas proksima al mi, de kies varma spirado reviviĝos la tuta mondo kaj ekfloros kaj ekridetos al mi. Kaj vivos mi tiam kaj glora, potenca kaj fiera mi fariĝos kaj neniu ekscios tiun forton, kiu min levis, sed vi, pro amo via, velkos kaj la larmojn glutos en silento . . .

Kial amas vi min, se ne plaĉas al vi larmoj kaj malĝojo? Je larmoj kaj malĝojo la mondo ridas kaj ĝi ridas ankaŭ je vi kaj je mi . . .

Kial amas vi min?

El la latva: A.



# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ

(Daŭrigo — 3)

III-a ĈAPITRO

## La pritraktadoj

(En ĉi tiu ĉapitro la leganto estas sciigita, ke ne estas simpla afero la veturado tra la praarbaro.)



La 29-a tago de majo estis sekve la decida tago. La naturo mem, kvazaŭ sin preparante por novaj aventuroj, prenis sur sin novan kostumon. Ĉio fariĝis verda, pompe verda. En Siberio la transiro de vintro en someron okazas subite, kaj la arboj, kvazaŭ antaŭsentante la mallongan sezonon de l' plezuroj, rapidas por vivi, simile al tiuj homoj, por kiuj estas destinita nur mallongdaŭra vivo kaj kiuj uzante ĉiun momenton, konsumas sin per efemeraj ĝuoj. La arboj burĝonas, plenverdiĝas dum semajno. Nenio pruvis pli elokvente la vivkapablon de la ĉi tieaj arboj ol la detranĉitaj, senfoliigitaj vergoj, kiuj kelkfoje reburĝonis.

Verŝajne la kelktagon daŭranta printempo estis jam bonefika por la humoro de l' militkaptitoj, ĉar, amasiĝante antaŭ la barakoj, ili estis pli viglaj ol kutime. Dum la kunveno, kiel ĉiam, la opinioj dividiĝis. Unuj konsideris plej prudenta la reiron al Blagovesĉensko, aliaj entuziasme defendis la daŭrigon de l' vojaĝo al okcidento.

Rumana anarĥisto konsilis, ke ni tramigru la praarbaron. Sian rakonton li efike argumentis per la rakonto pri „araĉonoj", gento naskita kaj vivanta en la praarbaro, kiu, konante ĝin kiel sian manplaton, povas servi je niaj helpo kaj gvidado.

Aŭstriano, elpoŝigante landkarton, parolis jene:

— Mi laboras en la topografia sekcio de la partizana armeo kaj, okupante min multfoje per la penso „iri Eŭropon", mi klopodis bone informiĝi pri ĉio. La fervojo estas detruita. De la fervojo norden ne kondukas vojo, eĉ se ĝi ekzistus, oni riskus renkonti taĉmentojn de ruĝa, blanka aŭ japana armeo. Verŝajne ni volas eviti bataladon, ĉar nia celo estas reveni vivante en Eŭropon. Reiri estas ankaŭ tre duba entrepreno. Ĉe Habarovsk denove estas milita fronto de l' Japanoj. Laŭ la fluo de l' rivero Sungari oni povas ja atingi Ĥarbinon, ĉefurbon de Manĝurio, sed ... sed kian koloron havas la registaro kiu estras en Ĥarbino ĉimomente, — neniu scias. Se estas ruĝa reĝimo, oni mortpafos min kiel blankulojn. Se estas blanka reĝimo, oni mortpafos nin kiel ruĝulojn. La sola eblaĵo estas kaj restas: iri okcidenten!

Ni ĉiuj scivoleme atentis, dum li, montrante landkarton, klarigis:

— Norde de ni estas nek urbo, nek vilaĝo, laŭ la atesto de tiu ĉi karto. Tio signifas, ke la teritorio estas virga praarbaro. Verŝajne nomadoj indiĝenaj vivas tie, sed kie? Neniu scias. Sed rigardu ĉi tien. Du grandaj paralelaj riveroj, Olekmo kaj Vutim, fluas por kuniĝi en la riveron Leno. Nur kelkcentojn da verstoj oni devas iri por atingi la supran fluon de l' menciitaj riveroj. Per flosoj, konstruitaj de ni, la



Dudič: Ciganoj

rivero portos nin ĝis Leno. En paca tempo ekzistis vaporŝipa komunikado inter Irkutsk kaj Jakutsk. Eble eĉ hodiaŭ ĝi ne ĉesis tute. De Jakutsk estas 2500 verstoj de distanco, vere bagatelo por homoj vagantaj, kiel ni. El Irkutsk, memkompreneble, ni vojaĝos per rapidvagonaro.

— Sed ni bezonas armilojn por eventuala

— Silenton! — ekkriis la aŭstriano — ĉevaloj ne estas nepre necesaj kaj armilojn oni povas havigi!

— De kie?! — demandis brue tri-kvar dubantoj samtempe, kaj la ĥaoso de la laŭtaj rimarkoj denove subpremis la kompreneblecon.

— Silentu! Pro diablo! Mi tuj diros! Mi



Csók: En la sablo

defendo. De kie ni prenos ilin? — rimarkis skrupule iu bakisto.

— „Per bastonoj tra la praarbaro"! Estus efika titolo por fantazia romano! — diris iu alia.

— Sen ĉevaloj vojaĝi en la praarbaro estus frenezo! — konsile plendis husaro, kiu ne povis imagi la mondon sen ĉevaloj.

Unu rimarko sekvis la alian kaj fine pro la bruo ni ne povis kompreni eĉ la vortojn de propra najbaro.

proponas sendi deputitaron al kolonelo Ŝilov, ĉefkomandanto de partizanoj (nuntempe prezidanto de D. V. K.) por peti lian helpon. Se li donos helpon, bone, se ne, ni riskis tamen nenion.

La proponanto, Hohenberg, kaj mi estis elektitaj, ĉar ni konis plej bone la rusan lingvon. Kaj sole la rusa lingvo estis la plej taŭga por gvidi la pritraktadon.

En la stacidomo de Kseniovskaja staris la vagonaro de la stabo, kaj en la sola kupeo

unuaklasa loĝis Dimitrij Ŝilov, iama cara oficiro. En tiun vagonon ni iris por persvadi lin je nia helpo. La adjutanto akceptis nin kun malvarma ĝentileco.

— Kion vi deziras, kamaradoj?

Estis tuj konstateble, ke la adjutanto ne apartenis al la rusaj ĝentiluloj, ĉar, teon trinkante, eĉ ne invitis nin por taso da teo. Tio, laŭ rusa kutimo, estas ofendo.

— Ni deziras pritrakti gravan aferon kun la ĉefkomandanto.

— Li estas tre okupita. Provu vian aferon aranĝi pere de la stabgeneralo! — li respondis kaj denove duonmalice observis nin.

— Ni povas pritrakti la aferon nur kun la ĉefkomandanto! ni persistis.

La firma decideco nenie imponis tiomgrade, kiom en Ruslando. Tion ni spertis ankaŭ nun, kiam la adjutanto, post momento, reveninte el la interna parto de l' vagonaro, afable ridetante invitis nin.

— La ĉefkomandanto atendas vin!

Enirinte, ni estis surprizitaj de la intima aranĝo de l' meblaro kaj sentis estetikan ĝuon, sidante sur la mole remburitaj plusŝeĝoj. Ŝilov, mezalta, migdalokula kaj kuprobrunvizaĝa viro, akceptis nin. En la unua momento oni povis rimarki, ke li ne estas pursanga ruso, sed stranga miksiĝo de rus-mongol-burjata tipo. Por mi, kiu vivadis longajn jarojn nur en vira societo, lia kvazaŭ knabina beleco estis frapanta. Li ĝentile parolis, kaj lia voĉo estis el tiu speco, kies melodio tuj amikigas.

Ni ĉion rakontis detale al li: niajn suferojn, planojn kaj esperojn.

— Via Moŝto, vi, kiu batalas kontraŭ la japana jugo, vi devas kompreni nin, ke ankaŭ ni havas iom da rajto por la libera vivo. Ni petas nur forpermeson kaj kelkajn . . . armilojn.

La ĉefkomandanto atente aŭskultis nin.

— Bedaŭrinde mi povas fari nenion sen la konsento de la stabo, sed definitivan respondon vi ricevos post 24 horoj.

Ni atendis miraklon kaj ĝi efektive okazis. Posttagmeze de l' morgaŭa tago oni vokis nin al la komandanto. Li estis tre amika kaj tuj ordonis pretigi samovaron por regali nin dum la traktado. Afable demandis nin pri nia farto. Dum la sensukera tetrinkado li demandis:

— Ĉu iu el vi estas kapabla pretigi novajn landkartojn?

— Tre bone — respondis mi memkonfide. — Ni estas iamaj oficiroj kaj kartojn desegni estas infanludo por ni.

— Mi tre ĝojas, ĉar la plano pri evito de batalfronto tra la praarbaro estas tre genia. Kredu min, ke ne sole via situacio, sed ankaŭ la nia, tiu de l' partizana armeo, estas malcertega. Se la Japanoj atakos nin, mi mem ne scias, kien retiriĝi. Oriente, ĉe Habarovsk, la tranĉeo del' Japanoj baras la vojon kaj okcidente la „tajga“, kie ni povos nur malsatmorti. Esti kaptitaj de la Japanoj estas kontraŭ nia gusto. Tio estas la kaŭzo, ke ni ankaŭ serioze pripensas vian planon. Nia armeo nun estas en mizera stato. Ĉiu soldato havas nur kelkdekojn da patronoj kaj replenigon de nenie ni povas ricevi. Malgraŭ tio, ni volas oferi multon por via afero. Mi konas la lertecon diablan de l' militkaptitoj. Ankaŭ nia intereso estas trovi elirvojon kaj pro tio ni donos al vi eblecon por plenumo de la plano ellaborita. Elektu 20—30 homojn kaj ni ekipos ilin. La intendanto Gruzinska jam havas la ordonon tiurilatan. Rekompence ni petas vin desegni kaj pretigi bonan karton pri la farita vojo, por ke poste ni povu sekvi ĝin, se estos necese!

Kompreneble ne nur la pretigon de karto, sed eĉ ormontojn ni estus promesintaj por havi la eblecon plenumi nian planon.

Hejmenreveninte ni estis festitaj de niaj samsortanoj pro la granda sukceso.

---

## MONDLITERATURA KAJ MONDARTA OBSERVO



J. RAJNIS. — Eble oni jam aŭdis pri ĉi tiu nomo, kiun portas poeto, ĉefulo de la *latva* literaturo. Eldoniste Gulbis en Riga preparis la vojon por ĝia diskonigo, eldoninte kelkajn liajn verkojn en germana traduko. Pro politiko multaj estis kontraŭ la germanlingva eldono, sed oni povis atendi ke la kultura mondo pli multe ekinteresiĝos pri la literaturo de la latvoj kaŝita ĝis nun sub fremdaj interesoj. Tio ne okazis. La latvan literaturon konas eksterlande preskaŭ neniu.

Tamen, la nomita verkisto meritas gravan atenton. Li estis ne nur beletristo, sed ankaŭ aktiva kunkreanto de la latva vivo, kunhelpanto de ĝia evoluo. Studante a historion de la latva popolo oni nepre rekontos sur ĝiaj paĝoj la nomon de Rajnis. Kaj kvankam mi volas paroli nur pri lia literatura agado, mi devas skizi ankaŭ la sociajn cirkonstancojn de lia tempo, ĉar li estis unu el tiuj poetoj kiuj kvazaŭ spegule refleksas la vivon de sia tempo.

Kiel la vivo, tiel same la poezio de Rajnis havas tri apartajn periodojn. La unua daŭris ĝis lia elmigro eksterlanden pro la politikaj cirkonstancoj. La vivo havis tiam solan celon, solan enhavon: batalon. Tiam infanoj batalis kontraŭ gepatroj, venkante malnovajn tradiciojn per novaj ideoj, studentoj batalis kontraŭ konservativismo de siaj pedagogoj, klaso kontraŭ klaso por politikaj rajtoj kaj la tuta latva popolo kontraŭ fremda despotismo. Kaj la poezio de Rajnis dum tiu tempo havas nur unu enhavon — batalon. Li kuraĝis lauteeldiri tion, kion havis ĉiu en sia animo

## NIAJ VERKISTOJ



PETRO STOJAN
Membro de la Lingva Komitato

Kaj ne mirinde estas, ke li estis tiam la plej ŝatata poeto. Kompreneble nun, kiam la vivo havas la celon de ekonomia, kultura kaj politika kreado, tiu poezio fariĝis senvalora, ne aktuala kaj ŝatata nur kiel historia materialo.

Pezaj vivkondiĉoj de politika emigranto devigis Rajnis'on dum la dua periodo de sia vivo esti preskaŭ tute sola. Nur malofte iu latvo vizitis lin. Kaj jen, en lia animo vekiĝas nova sento. Ĝis nun li estis nur ano de la partio, kaj liaj simboloj de batalo estis simboloj de batalo de socialdemokrata partio kontraŭ riĉaĵposedantoj, kvankam ilin komprenis ĉiu laŭ sia vidpunkto. Sed nun la peza soleco vekis en li senton de naciismo kaj lia tiutempa poezio enhavas kiel simbolon de tiu sento — la sunon. La suno estas simbolo de la latva popolo, relikvo de la antikva regno kaj diaĵo de la antikva latva religio. Kaj revivigante tiun ĉi simbolon Rajnis akcelis diskreskon de nacia sento, vekis intereson je la historio de l'propra popolo. Tiuj ĉi ambaŭ simboloj estas mirinde belaj kaj riĉaj por li. Du solaj vortoj, du ideoj ekhavas sub lia mano tiom multe da nuancoj de sencoj, ke ili povas plenigi per dense presita poezio dikajn volumojn. Kaj ĝi ne estas poezio ŝovinista — ĉiu popolo, ĉiu homo trovos en ĝi ion por si.

La tria periodo de lia vivo komenciĝas de lia reveno en la novefonditan Latvion. Kun entuziasmo la popolo akceptis lin, lia vorto estis sur ĉiuj paĝoj de ĵurnaloj kaj gazetoj, liaj libroj estis denove en ĉiuj manoj. Ĉie popolamaso ameme salutis lin, la amo, kiel varma aero la floron, envolvis la dorlotatan animon del'poeto. Kaj eble dank' al tiu impreso lia poezio enhavas nun novan vorton — amon. Estas ja strange, ke tiu homo de mensa laboro nur ĉe fino de la vivo, havante grizajn harojn ekkantis pri la amo. La amo por li ne estas ia pasia, ĵaluza sento, sed bela, fortika forto de la animo, parto de l'homa naturo. Pro la profunda sento, pro la multkoloraj, belaj nuancoj tiun ĉi poezion admire ŝatas la junularo. Sed la samtempanoj de Rajnis, la politikistoj kaj praktikemuloj ne komprenis lin kaj rigardas la falon sur deklivo, de antaŭaj ideoj al amo, kiel malsaĝon de maljunulo. Tion Rajnis eble antaŭvidis, ĉar li eldonis tiujn ĉi versaĵojn kiel fremdan, al li senditan verkaron. Sed oni ja tro bone konas lian stilon, liajn formojn de versoj por ke estu eble trompi.

Tio estas unu flanko de lia literatura agado — reflekto de la vivo. Paralele li agadis en alia direkto. Li studis faktojn de la vivo kaj kreis esencon, filozofion de la vivo. La filozofia poezio de Rajnis estas juvelo ne nur de arta, sed ankaŭ de scienca vidpunkto. Ĝi estas laboro tiel grava, ke oni povus skribi kelkajn paĝojn por plene karakterizi ĝin. Tial mi limigas min nur per la cito de la problemoj de li prilaboritaj, — deveno kaj harmonio de la mondo, etikaj devoj kaj rajtoj, senco de estetiko kaj belo, socio kaj sociaj demandoj. Ankaŭ tie ĉi Rajnis restis fidela al si mem — ĉiun problemon, ĉiun penson li esploris kaj esprimis plej plene, plej diverstone.

Sed la enhavo estas nur unu parto de la arto. Restas ankoraŭ la formo kaj la rimedoj, ĉi okaze: la lingvo. Sed kion oni povas diri al fremdulo konanta nek la latvan lingvon, nek ĝian ritmon. Mi ne volas limigi karakterizon de la formo je kalkulo de strofoj kaj tiun de ritmo je sinsekvo de akcentitaj siloboj. La formo kaj la ritmo entute dependas de la karaktero de la lingvo kaj ĉiu traduko krom la enhavo povas transdoni nur mezuritajn strofojn kaj sekan refaron de la ritmo. Tial mi diros nur, ke laŭ stila, forma kaj lingva vidpunktoj Rajnis estas idealo por nuntempaj verkistoj. Ritmo de la sonoj, flueco, esprimriĉaj nuancoj kaj bildemeco de la lingvo atingis ĉe li tian perfektecon, ke li tute, per granda tempospaco, antaŭiris la aliajn verkistojn.

Tion mi volis diri pri la poezio de Rajnis. Kompreneble citaĵoj estas nur pecetoj kaj por plene kompreni iun poeton oni devas persone legi lian verkaron. Bedaŭrinde la nacia lingvo estas tiu barilo, kiu limas niajn scidezirojn. Kaj oni povas nur atendi ĝis iu tradukisto permesas enrigardi en paĝojn de latva kulturo, ĝis nun nekonata eksterlande.

*R. Eichenbaum*

MOHAMMED IKBAL. — La moderna Hindujo donas nun, dek jarojn post la disfamiĝo de la nomo de Tagore, la duan poeto-grandulon al la mondo: Mohammed Ikbal. Li verkas, krom en sia gepatra ligvo *urdu*, ankaŭ perse, do estas posteulo de la klasikuloj de l' persa literaturo: Hafiz, kaj Rumi; kiel la praŭloj de Tagore vivas en la antikva sanskrita literaturo. En nordokcidenta Hindujo, precipe inter la mohamedanoj, la persa estas ankaŭ nun literatura kaj poezia lingvo. Dum festoj, en la floraj ĝardenoj ankaŭ nun eksonas la kanto de Hafiz *„Taz a ba taza, nau ba nau!“* (Ĉiam alian kaj ĉiam novan!)

Kaj Ikbal donas vere ion *alian* kaj *novan:* versojn riĉajn de briIantaj vortoj, fajraj, luksaj koloroj, kiuj havas ankaŭ la saman profundan simbolismon kiel la antikvaj poemoj, sed kies enhavo jam parolas al la hodiaŭa homo, kaj kiuj sekve, ankaŭ por la okcidento, jam ne estas nur frandaĵo de kelkaj malmultaj literaturamantoj.

Ikbal parolas al ni kaj pri ni, la inkubaj problemoj de nia vivo estas ankaŭ liaj problemoj: li ne estas fremda, „ekzotika“ poeto, sed unu el la grandaj heroldoj de la nova, jam krepuskanta mondepoko: la homa komuneco. Nicholson, profesoro de la *Cambridge'a* universitato, kun sincera admiro rekonis en sia studento la genion, la elektiton. Li unua tradukis la unuan poemlibron de Ikbal, la *„Azrar-i Khudi“* (Sekretoj de l' Memo). La Amerika *Herbert Reed* entuziasme salutis lin: „Dum niaj poetetoj siajn etajn travivaĵojn garnas per rimoj, en Lahore estis verkita

ĉi tiu volumo, kies aŭtoron rajte povas saluti liaj samlandanoj kiel novan Mesion, kiu revivigis la mortinton." De tiam aperis ankaŭ en Eŭropo *vates*'oj eksentantaj la proksimiĝon de nova kaj potenca epoko, sed estas nediskuteble ke la vera voĉo de niaj tempoj trovis unue en Oriento siajn anoncantojn: Tagore kaj Ikbal.

Ikbal pasigis jarojn en Eŭropo, liaj klarvidaj okuloj rekonis la valorojn, sed ankaŭ la difektojn de la okcidenta civilizo. Simile al Tagore li ekkonsciis, ke Hindujo devas ŝanĝi la tempojn de meditema senfaro je la epoko de grandaj agoj kaj klopodoj, sed aliparte li klare ekvidis la terurajn danĝerojn de la trostreĉita aktiveco de l' okcidenta civilizo, la malhelajn fortojn de la potenc-aspiro memama, unuflanka, sankcianta eĉ la plej malnoblajn rimedojn, kiuj pelas la Okcidenton al sinmortigo. Li volis novon, li sentis, ke devas veni renaskiĝo por la Okcidento same kiel por la Oriento: kaj la rezulto de liaj rekonoj estis tiu sama potenca, ĉion entenanta, malproksimen vidanta mondrigardo, al kiu venis Tagore: io, kio estas ĝenerale homa, kio ne estas plu afero de unu gento, de unu nacio aŭ de unu raso, sed afero de la tuta homaro, ĉar neprokrastebla tasko de nia epoko estas krei aŭ almenaŭ fundamenti la homan komunecon.

„Venis jam tempo, ke la vualo falu; Amatinon nian vidi jam devas ĉiu okulo! Kaj la sekreto, kaŝita de muta silento, ĉie jam devas esti videbla klare! Ho pokalisto, pasis jam la tempo, kiam oni malplenigis pokalojn ŝtele, en angulo kaŝita. Unika, grandega regalo fariĝis la mondo. Kaj pokalo nun estas jam havota de ĉiu!"

Kaj la Okcidenton Ikbal admonas: „Ho loĝantoj de tero okcidenta, Mondo de Dio ja ne estas foir' bazara! Kaj pri la mono, per kiu vi pagis, evidentiĝos, ke ĝi estis senvalora!"

La penso, ke la Okcidento malindigas nian komunan patrujon la Teron farante ĝin nura granda butiko aŭ bazaro, kie ĉiu devas, per ĉiuj rimedoj, akceli nur sian propran profiton, — ĉiam refoje revenas en la poemoj de Ikbal. La okcidenta civilizo „forĝas sinmortigan ponardon" ĝi „metis pezan neston sur malfortan etan branĉon".

Sed malgraŭ liaj malhelaj koloroj, li ne estas pesimisto kaj skeptikulo; *estas espero*, devas veni renoviĝo, sur la fundo de l' homa animo, neglektite kaj forgesite, sed tamen vivas la Vero, kiu ĉiam denove kaj eterne kreas kaj altenlevas.

La grando, kiu estis tro granda por la Tero,
la heroo, kiun sekvi oni ne povis,
la pasio, kiu terrubojn forlasinte
perdiĝis el la vido en la alto:
ĉiuj, ĉiuj estas kiel muziko de l' poetoj,
kiun la tero sendis for al Dio;
sufiĉe, se Li aŭdis ĝin,
foje, fine ĝin ekaŭdos ankaŭ ni!

La penoj ne estas vanaj. La sinlevo, la amo, la puriĝo estas fortoj venkeblaj per nenia armilo de l' perforto. *La novan mondon kreos la Senarmila Homo.* Ĉi tiu granda ideo estas la sola, por kiu estis inde trasuferi la mondmiliton kaj la ĥaosajn terurajojn de l' nuntempo: la spirito venkos la materion, la kredo je amo la blindan memamon, la senhelpa suferanto la subpremanton ebrian pro triumfo, la malplenmanulo la riĉulon ĝisgorĝe satiĝintan.

Sed nur, se li ne volas fariĝi tia, kia estas lia kontraŭulo, se li ne volas venki por esti mem la potenculo kaj subpremanto. La homaron plu ne povas kontentigi la venko de unu aŭ alia interesgrupo, kiu fruktuzas sian venkon senindulge dum kelkaj jaroj aŭ jardekoj, nehaltigeble faligante sur sin mem la venontan venĝon kaj tiel neniigante ĉiun esperon de solvo. Sed la *novan homon* oni ne povas mortigi, jam krepuskas la aŭroro, la epoko de l' *Senarmila Venkinto.* La sola malamiko estas interne, en ni mem. La granda nodo devas solviĝi en la homa animo kaj ne sur la batalkampoj de l' malamo.

Ho kor'! ho koro! ho mia kor'!
Vi, mia maro, mia boato kaj mia certa rodo!
Ĉu el la alt' vi falis sur mian polvon, kiel roso,
Aŭ el mia korp' argila elĝermis vi burĝone?

En sia plej nova libro: *„La Sciigo de l' Oriento"*, jene salutas Ikbal sian animon.

Kaj vere, la homa animo, ĉi tiu potenca kaj majesta mistero jam ekkonscias pri sia ĉiopova forto.

Ĉu ĉiela donaco ĝi estas, aŭ nur produktaĵo de l' vivanta organismo — la nova homo rekonas en ĝi la senliman mondon de ĉiuj eblaĵoj, la maron, la boaton kaj ankaŭ la rodon, kie lin salutas la celo, la granda homa celo de l' komuneco kaj ĝeneralo ĝermintaj el amo kaj kompreno, al kiu montras la fingro de l' poetoj kaj filozofoj kaj kiun anoncas kun triumfa kredo la nova granda poeto de Hindujo: Ikbal.

*byn.*

---

# BIBLIOGRAFIO

NATAN LA SAĜULO. Drameca poemo de G. E. Lessing. El la germana: Karl Minor. Eldono de Ellersiek kaj Borel G. m. b. H. Berlin. Fpr. 2·40 M. (× ŝlosilnombro) = 2·40 svfr.

Natan la Saĝulo estas altfluganta evangelio de la religia paciencemo, en kiu Lessing sensignifan rakonton de Bocaccio faris portanto de plej noblaj ideoj.

Eble ne estas necese konigi vaste la dramon mem kiu estas mondekonata. Verŝajne ĉiu memoras pli aŭ malpli klare la noblan, iom malvarman sed profundsentan sagacon de Natan, la impetan kaj iom krudan, sed bonkoran Templanon, la grandaniman Saladin, la ĉarman, kortuŝan simplecon de la Monaĥejano, la reĝan almozulon, la dervîŝon, la tutan grupeton de *bonaj* homoj, al kiuj la dramo okazas. Amo, helpemo, pardonemo regas en la tuta verko, ili glate forviŝas la konfliktojn, la timiga figuro de la Patriarko estas senforta kontraŭ ili. Ĉi tiu manifestado de la homaramo ne konanta gentajn kaj religiajn diferencojn faras la poemon vere Esperanta, internidea verko.

Parolante pri la traduko, bedaŭrinde mi ne povas uzi la vortojn de nepra laŭdo. Certe, gramatike kaj vortderive la traduko estas perfekta, eĉ matematike perfekta, sed kie la matematika perfekteco ne sufiĉas kaj oni devus iri trans ĝi, eble eĉ spite al ĝi, tie oni sentas certajn mankojn, precipe se oni komparas la tradukon kun la originalo.

Le labormaniero de la tradukinto impresas min per stranga troestimo, preskaŭ adoro de la ekstera formo. Ĉi tio vidiĝas jam en la antaŭparolo, kiu sin okupas preskaŭ ekskluzive pri la „blankverso". Kaj la klariga noto pri Lessing temas denove — pri la blankverso. Lessing estis la unua vera germana klasikulo, kiu, krom sia drama verkado, per sia Hamburga Dramaturgio esence influis la tutan germanan teatrarton refutante la nepran principon de la „triobla unuo", kaj montrante kiel al plej alta modelo de la moderna dramo al la verkoj de Shakespeare, — kiu, oni povas diri, nur de post li havas esencan influon al la moderna teatrarto. (Pri Laokoon kaj aliaj liaj verkoj mi ne volas nun paroli.) Do akcenti kiel lian plej gravan meriton, nur la enkondukon de la blankverso — estas iom bagateleme.

En la antaŭparolo la tradukinto fiksas severajn principojn. Nenia permeso rilate la ritman skemon, nenia permeso rilate la nombron de linioj. Do, ankaŭ pri la ritma skemo mi havas malsaman opinion. Ĉi tiu

tre severa principo ekzistas propre nur en la germana lingvo, eĉ tie ne, ĉar mem la tradukinto mencias kelkajn versojn de la originalo, kiujn li nomas riproĉindaj. La angla kaj la itala verso montras eĉ multe pli grandan liberon ol ĉi tiuj riproĉindaj linioj. Do kial sekvi tiel severe la monotonan tiktakadon de la skemo, kial ne uzi almenaŭ tiujn permesojn, kiujn uzis jam Zamenhof ĉe la vortoj *kion, kiel, lia* ktp. Ĉetere: oni devas — aŭ plilarĝigi la versleĝojn, aŭ ne uzi en Esp. la blankverson. Ĉar oni ne povas trudi al lingvo versformon (por longaj verkoj!) en kiu neniam povas komenciĝi linio per demanda aŭ refleksa pronomo. Mem la tradukinto rimarkis en sia recenzo pri la traduko de Faust ke la nuna versfarado, pro sia rigideco, ne taŭgas por tiel granda fortostreĉo. Sekve — li volas forpreni eĉ tiujn faciligojn, kiuj jam estas sankciitaj.

Alia fiero de la tradukinto estas la konservo de la nombro de l'linioj. Do, teorie ja estas ideala afero konservi ĝin. Sed Esperanto estas pli mallonga ol la plej multaj lingvoj, ĉiuj adjektivoj kaj verboj estas en ĝi almenaŭ dusilabaj. Grabovsky uzis en Sinjoro Tadeo la verbigon de la adjektivoj: *dolĉas, bonas, belas,* uzis formojn *amatas, permesitas, laŭdatu* kaj tamen li devis aldoni kelkajn liniojn. Mi estis scivola, kiajn novajn inventojn mi vidos en la traduko ĉi rilate.

Nu, nenion eksterordinaran. Anstataŭ novaj poeziaj rimedoj — novan principon oportunan. Ĉiuj vortoj, kiuj ne estas nepre necesaj por esprimi „veran ideon klaran", estas en la okuloj de la tradukinto nur banalajoj, kiujn oni povas knedi, ĉirkaŭtondi aŭ ellasi laŭplaĉe. Estas vere, ke ekzistas frazoj sentencmanieraj, kiuj frapas ĝuste per sia mallongeco, tiujn oni devas prezenti laŭeble en la sama frapanta mallongo, sed cetere, se ni devas elekti inter la senviva skemo kaj inter tiuj delikatajoj, kiujn prezentas la pli larĝa aŭ pli konciza esprimmaniero, la vortordo, la epitetoj kaj aliaj ŝajne senutilaj vortetoj — mi elektus senhezite la lastajn. La leganto ja ne volas havi verkon nepre kun sama nombro de linioj — kion li eĉ ne povas kontroli — sed verkon, kiu havas ne nur la „verajn ideojn klarajn", sed ankaŭ la poeziajn ornamajojn, la tutan *guston* de la originalo.

Speciale, en ĉi tiu verko, eĉ se oni ricevas nur viandekstrakton anstataŭ la vivanta karno de la originalo, restos ankoraŭ por nia ĝuo la „veraj ideoj klaraj" kiuj estas en ĝi multnombraj kaj kiuj estas ĝia ĉefa beleco kaj ornamo. Sed verko, kiu dankas sian valoron ĉefe al siaj stilaj efektoj, nepre perdus ĉi maniere sian tutan ĉarmon kaj valoron.

Estas kompreneble, ke la tradukinto plej bone sukcesis en la abrupte rapidaj rakontaj partoj, kie la mallongo mem estas stilbeleco. Kaj plej malbone li sukcesis en la paroloj de Daja kaj Recha, kiuj estas, por la simpla resp. naiva animoj, tro koncizaj kaj iom tro komplikitaj.

Parolante pri la lingvajo de la tradukinto mi rimarku, ke li pli „mensas" ol sentas la lingvon. Kiel signoj de ĉi tiu „mensado" malagrable min tuŝis la multaj „eca": drameca, poezieca, boneca, saĝeca, ruzeca, agleca ktp. Sen „eca" la vortoj estus ne nur pli mallongaj kaj pli elegantaj, sed ankaŭ pli *vivaj* kaj pli *klaraj*, ĉar al adjektivo la „ec" aldonas nenion krom konfuzo. Same ĝenas „ĝis ke" kaj „dum ke" anstataŭ la neniel riproĉindaj kaj forjetindaj, klaraj kaj *vivantaj: ĝis* kaj dum. *Kunejetas* estas nepre malbona anstataŭ kunjetas, aŭ disjetas. *Brulantajo* estas malagrable preciza anstataŭ brulajo, aŭ ‚kio brulas'. Same *eltrovitajo* anstataŭ trovajo. *Ekzakte* sonas tro science el la buŝo de Recha. *Tiukaze* (tre ofte) same ne bone efikas, mi preferus: tiuokaze aŭ: ĉi okaze aŭ simple: tiel. Tre stranga estas la ofta nenecesa uzo de ‚um': rabumi, verŝumi, paŝumi, ŝarĝumi, ktp. Sed pleje surprizis min la vorto *Kardio*, kies sencon (kara Dio) mi eksciis nur per la originalo.

Ĉi tiun malfeliĉan vorton uzas la tradukinto preskaŭ ĉiam, kvankam „kara Dio" tute ne estas internacia esprimo, la kunfando de adjektivo kun substantivo ne estas tre rekomendinda, kaj la originalo uzas ĉiam la simplan vorton Dio. Iom ĝenas la ofta uzo de „ĝi" anstataŭ „tio".

Pri la vortordo mi rimarkas, ke la vortojn „ne", „nur", „eĉ", oni metas en Esperanto *antaŭ* tiun vorton, kiun ili rilatas. „Li *ne min* sekvas pro enuo" havas tute alian sencon ol „Li sekvas min ne pro enuo". Same: „Apenaŭ eĉ pli bonan ja por Recha", anstataŭ: la ĝusta „apenaŭ ja pli bonan eĉ por Recha". „Nevolonte li nur donis" anst. la ĝusta: „Li nur nevolonte donis". Per tiaj malgrandaj ŝanĝoj ofte nur pene kompreneblaj frazoj fariĝas vivaj kaj klaraj. — Kial „pro pri li ekstazo" anstataŭ „pro ekstaz' pri li"?

Pĝ. 22. Linio 2. „Brulas" estas malĝusta anst. „bruligas".

*Neologismoj:* ĉu necesas *kalma*, dum la Esp. — istoj ne povas bone distingi inter trankvila kaj kvieta? Ĉu: „ofri", dum ni havas „proponi" kaj „oferti"? Ĉu „sombesto" estas io alia ol ŝarĝbesto? Ĉu oni rajtas fabriki la novan vorton „prinzino", por traduki (pro lokmanko) en unu sola vorto la frazon: fratino (do ne filino) de l'sultano? „Precipiti" havas jam sencon teknikan, „sich stürzen" signifas „sin ĵeti". Salvi signifas „paradpafi", do apenaŭ ĝi estas uzebla por la vorto: ĉielfeliĉigi, beatigi.

La tradukinto pardonu min, ke mi prenis lian laboron por provi pri ĝi denove tiun detalan recenzon, kiu jam tute elmodiĝis en Esperantujo. Kaj la legantaro legu la verkon, ĉar inter la riproĉitaj partoj ilin ĝojigos belaj kaj grandaj ideoj tradukitaj en bona Esperanto. *Kopar.*

*

El ĉiuj artoj estas plej duonpatrine dorlotata la teatra arto. Ĝi estas katenita al la nacia lingvo. La artistaj gigantoj de l'scenejo estas apenaŭ konataj ekster siaj landoj, kaj iliajn artajn kreajojn la eksterlanda publiko tute ne povas ĝui. Sed la dikan pordegon nun pugnofrapas nia lingvo kaj baldaŭ estos malfermita la vojo al internacia teatr-arto. Tion pruvas — kaj efikplene — la festprezentado de Natan la Saĝulo en Nürnberg, kie bonekonataj germanaj aktoroj, ŝatataj de sia publiko, transpaŝis tiujn limojn, kiuj ĝis nun la teatrarton ĉirkaŭbaris. Ni kore dankas ilin.

Ni dankas por la nova triumfo kiun ili akiris por nia afero; ni dankas ilin por la arta ĝuo, per kiu ili regalis nin.

La dignoplena figuro de Natan, en prezento de sinjoro Alfred Richter-Anschütz, donis plenan iluzion. Lia rutina deklamado, kun klara, pura kaj plastika elparolo konjektigas ne nur bonegan aktoron sed ankaŭ perfektan Esperantiston. Lia nobla parol-arto manifestiĝis precipe en la fabelo de la tri ringoj, kiun li vivigis grandioze. Post li la maljuna monaĥejano el la epizodaj figuroj de la dramo altiĝis al la plej supra grado de arto, en la prezento de S-ro Alexander Starke. Li perceptis sian rolon tute laŭ moderna, laŭnatura skolo, sen la patosa deklamado de la skolo klasika, kaj tial lia kreajo estis la plej vivanta, plej spontana, akiranta por li sinceran plaĉon kaj bruan aplaŭdon. La saman vivoplenan simplecon de la natura ludmaniero ni ĝuis ankaŭ ĉe F-ino Klara Keller, kiu prezentis la rolon de Daja. Ankaŭ la ceterajn personojn de la dramo forĝis lertaj manoj de talentaj artistoj je vivantaj figuroj. Ni ĉiam rememoros pri la sangvina, temperamenta, iom kruda, plene unueca figuro de la Templano kaj pri la interesa, sed eble iom tro vigla derviŝo kaj bone trajtita Patriarko. La ludantinoj de Recha kaj Sittah bone kompletigis la ensemblon.

Ni rimarkis, ke kelkajn malklarajn partojn de la teksto ies lerta mano feliĉe heligis. La reĝisoron pro lia malfacila laboro en la nekutimaj cirkonstancoj, certe rekompencas tiu granda sukceso, kiun li rikoltis per la aplaŭdoj de tiel multkolore internacia publiko. Certe estas lia merito, ke la mondfama verko estis prezentata en tiel inda maniero. La dekoracioj estis laŭepokaj, donantaj plenan iluzion.

*Jobo.*

INTERNACIA MONDLITERATURO. Kolekto de la plej famaj verkoj el ĉiuj naciaj literaturoj. Eldono de Ferdinand Hirt & Sohn Leipzig.

En la ĝojinda ekfloro de la Esperanta literaturo kiu jam grandegan armeon de la plumbliteroj liveras por la triumfa militiro de Esperanto, la firmo Hirt & Sohn havas vere altetaksindan meriton. Ĝiajvaloraj kaj plaĉaj eldonaĵoj donas ĉiam agrablan surprizon, artan ĝuon al la legantaro kaj ankaŭ certan fieron pri la disvolviĝo de nia literaturo. Kaj se la programo, kiun la firmo fiksis por si pri la eldono de ĉi tiu kolekto, efektiviĝos — kaj ĉi tio dependos nur de la Esperantistaro — oni povas fiere diri, ke per Esperanto malfermiĝos al ni la animo de ĉiu popolo per la brilanta pordo de la Arto.

Por atingi ĉi tiun celon la Esperantistaro devas — nur servi sian propran plezuron, iegi kaj envicigi en sia libroŝranko, unu post la alia, senmanke, la belaspektajn, grizebluajn volumetojn,

El la eldonaĵoj ni havis okazon konigi ĝis nun la interesan novelkolekton de Stamatov en la Krestanoff'a traduko. En la nuna numero ni raportas pri 3 libroj.

*I. S. Turgenev „Elektitaj Noveloj“*. El la rusa: Alexandra Mexin. La libro, krom kelkaj perloj el la „Poemoj en prozo“, enhavas du novelojn. „Mumu“ estas kortuŝa rakonto pri surdmutulo-grandegulo, kiu fermite en sian sensonan izolecon, vivas sian solecan vivon, ĝis fine trovas amantan estaĵon — en hundo. Sed la kaprico de lia sinjorino forpenas de li ankaŭ ĉi tiun konsolon, li mem devas pereigi ĝin. Kaj li forkuras, remigras en sian vilaĝon, de kie lin alia kaprico de la sinjorino ellevis, kaj tie li vivas plu sian vivon ankoraŭ pli solecan ol antaŭe. „Beĵin-Herbejo“ rakontas al ni noktan interparoladon de rusaj kamparanoj pri la mirindaĵoj kaj timindaĵoj de la rusaj arbaroj. La rakonto estas plena de stilaj belecoj, en la sino de l' Naturo admirinde priskribita parolas la superstiĉaj homoj, kaj ni sentas nin en la sama iom frosttremiga, sed tamen ĉarme naiva kaj interesa atmosfero.

La lingvaĵo de la traduko estas tre bona, flua, plastika, elasta, viva. Mi rimarkigas nur pri la vorto ‚kutimita', anst. la ĝusta ‚kutimiĝin'ta, kaj pri la uzo de adjektiva formo anstataŭ la ĝusta adverbo. (Ŝi sidis malbonhumora.) Anstataŭ *blankiĝanta* kampo mi dirus *blankanta*. Ĉar ĝi ne fariĝas, sed *estas* blanka. Post „kvazaŭ„ mi ofte preferus verbon kun *us* anstataŭ *as* aŭ *is*.

*„Tri noveloj“ de Puŝkin.* El la rusa: Dr. Andreo Fiŝer. — La noveloj, trezoroj de l' mondliteraturo, estas majstraĵoj de romantika skolo.

Temoj kun atentstreĉa sinsekvo de frapantaj turniĝoj, fulmrapida lumigo de animoj premitaj de diversaj pasioj, ia mistika atmosfero ĉirkaŭŝvebanta, naskita de superstiĉa kredo kaj el abismoj de animo kaj ĉio ĉi rakontita en simpla, preskaŭ indiferenta, sed plastika, vigla, ĉion esprimanta stilo. La noveloj estas neforgeseblaj.

La traduko estas tre bona, natura kaj viva, faras impreson de originalo. Nur kelkaj „ad“, „iĝ“. „ig“, kiel restaĵoj de la maljuna Esperanta stilo, ŝajnas al mi superfluaj.

*Hildebrand: „El la Camera Obscura“.* El la holanda H. C. Mees. — El la tri noveloj al mi, persone, pleje plaĉas la meza: „La maljunulejano rakontas sian historion“, kiu per sia simpla rakontmaniero, larme ridetanta humoro estas vere juveleto. Ankaŭ en la unua rakonto pleje ĉarmis min tio, kiel la aŭtoro rigardas siajn homojn tra l' okulangulo, inter palpebroj kuntiritaj por varma kaj komprenema rideto. La bonhumoro de la lasta skizo estis por mi iom peza.

La traduko estas ĝenerale bona kaj flua, tamen, foje, ne ofte, oni estas haltigata per nekutima formo de esprimo. Ĉi tion kaŭzas certe la troa fideleco al la originalo. Esperanto komencas kaj devas havi sian propran *guston*, kion oni devas ne oferi por fidelega prezento de naciaj esprimformoj, kiujn alinaciano eble ne sentas bonaj, aŭ sentas alinuancaj.

Sed ĉi tiuj lokoj estas nemultaj kaj troveblaj preskaŭ nur en la lasta novelo, kie la tradukinto certe havis malfacilan laboron.

---

# DISPUTO

PLEDO POR „CI“. — En lingvo esperanta preskaŭ ne ekzistas intima formo de pronomo. Ĉi tiu manko kaŭzas vere ian ĝenon.

Ĉu, ekzemple, patrino parolu al sia infaneto — „Vi“? Ĉu mi parolu al Dio — Vi? Ĉu en rilatoj kun personoj plej proksimaj uzi tiun malvarme-ĝentilan formon — Vi? Ja tio estas kvazaŭ ni dirus al patro, patrino, frato k. t. p. — Sinjoro!

Kaj kiel esprimi tiujn delikataĵn nuancojn de intimeco aŭ de proksimiĝado de du personoj, kiuj ĉesas sin „Sinjor'i“ „Vi-i“ kaj „ek-ci-as“ sin?

Mi rimarku ankoraŭ, ke en ĉiuj senescepte lingvoj formo intima ekzistas kaj pli — malpli ofte estas uzata. Eĉ lingvo angla, lingvo de „you“(Vi), almenaŭ por tiu, al kiu ĉiu el ni estas plej proksima, kun kiu ni estas plej intimaj, — por Dio, rezervas formon „Thou“ (Ci).

Kial do nur nia lingvo estu malpli riĉa ol la aliaj? Kial ni ne povu esprimi dolĉaĵn nuancojn de intimeco? Samideanoj! Ni rehabilitu Ci-n! *M. Arco.*

NOTO. Ni publikigas ĉi tiun pledon en la espero ke ĝi rezultos multajn alparolojn, kvazaŭ enketon kiu eble definitive solvos la problemon de ĉi tiu malfeliĉa vorteto. Ni, persone, vidas ĝian sorton tre malbonŝanca. Laŭ nia sento Esperanto estas *vi*-lingvo eble ankoraŭ pli multe ol la angla lingvo estas *you*-lingvo. Ĉu la nebona sono de la vorteto faras, aŭ tio ke oni, la plej bonaj aŭtoroj, apenaŭ uzis ĝin — la vorteto estas en nia lingvo kvazaŭ fremda elemento, ĝenanta la orelojn, kaj, ĉe tro ofta uzo, malfaciliganta eĉ la komprenon. Mi memoras pri verslibro, kies legon mi ĉesigis, ĉar pro la multegaj „ci“ kvazaŭ agaciĝis miaj dentoj. Kaj mi devas konfesi, ke la ci al mi tute ne faras impreson de intimeco, dorloto aŭ karesemo, sed mi aŭdas en ĝi fremdan, malagrablan siblon, kvazaŭ insulton. Mi eĉ suspektas nian Majstron, ke li intence donis al ĉi tiu vorteto la malagrablan formon anstataŭ la eble pli belsona — „ti“ por ke oni ne uzu ĝin.

Tamen estas eble ke mia lingva sento trompas min. Tial mi petas la helpon de niaj legantoj, ili esprimu sian opinion pri la afero. Eble mi devos ĉesigi mian malamikan sintenon kontraŭ ĝi, kaj rigardi ĝin pli indulge — en fremdaj verkoj. Ĉar en la miaj — verŝajne ankaŭ tiam mi ne uzos ĝin.

*Kopar.*

---

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró